Oktobro 1906. II jaro. № 10.

# Ruslanda Esperantisto.

## Oficiala organo de Societo „Espero“.



Senpaga eldono por membro de Peterburga S-to „Espero“



Manuskriptoj, korespondado k. t. p. devas esti adresataj je nomo de „Societo Espero“ en S.-Peterburgo. Telefono 256-98.

Jara membra enporto 3 rub. (8 fr.).



Eldonanto: S-TO „ESPERO“ en Peterburgo. Redaktoro: D-ro A. I. ASNES.



Unua esperanta presejo en Ruslando de D. P. WEJSBRUT.
Peterburgo: Troickij Prospekt, 5. Telefono 234-61.

# Ķorespondа fako.

## Novaj adresoj:

RUSUJO: **Minsk**, Serpuhovskaja str., d. de Ŝapiro, S-ro Vladimir Lojko, lernanto de l'meza Komerca lernejo, deziras korespondadi kun alilandaj esperantistoj.

**St. Peterburgo,** Tarakanovskij per. 7, loĝ. 74, S-ro Vladimir Vladimiroviĉ de-Maynov (Майновъ), instruisto de l-vo Esperanto.

**Varsovio,** Novogrodzka strato 17, loĝ. 20, S-ro Aleksandro Kobylinski deziras interŝanĝi la poŝtmarkojn.

**Vladikavkaz,** Kaŭkazo, Tarskaja 61, s-ro Georgo Bakradze deziras interŝanĝi manskribitajn kun muzikaĵo la nacikantojn kun ĉiulandaj geesperantistoj.

**Orle,** vilaĝo, ĉerez Lubranec, Warŝawskoj gub., S-ro Bolesław Gluchowski deziras korespondadi kun ĉiulandaj geesperantistoj, precipe kun geinstruistoj.

FINLANDO: **Nikolajstadt,** 4 Strelkovij Polk, Kolonelo I. Ĥudjakov.

HISPANUJO: **Bilbao,** Banko de Vizcaya, s-ro Manuel Zabala interŝanĝas uzitajn poŝtmarkojn en kvanto de 100 ĝis 500, akceptante nek francajn, nek anglajn.

UNUIGITAJ ŜTATOJ: **Oklahoma,** United States of America, S-ro Arthur E. Baker, General Delivery.

Ruslanda Esperantisto.

Oficiala organo de Societo „Espero“.

Oktobro. 1906. | Redakcio: St.-Peterburgo, Bolŝ. Podjaĉeskaja, 24. Telef. 256-98. | II-a jaro. № 10.

# La internacia movado laborista kaj Esperanto.

(Международное рабочее движенiе и Эсперанто).

El ĉiuj fenomenoj de l'nuntempa vivo, havantaj vastan internacian signifon, kiel plej potencan oni devas konfesi la movadon socialistan. La socialismo—la plej brula kaj plej kolosa problemo de la tuta nuna civilizacio—ĉirkaŭprenis per sia influo ne sole la tiel nomatan eŭrope-amerikan civilizacion, sed stariĝis sur unuan vicon en la sociala vivo de l'aŭstraliaj kolonioj kaj eĉ de Azio en prezento de Japanujo. Tia vasta etendiĝado de socialistaj ideoj kaj de socialista organizacio estas klarigebla per tiu universala karaktero de la movado, kiu unuan fojon hele estis notita de l'patroj de l'internacia socialismo Marks kaj Engels, skribintaj sur sia standardo la vokon: „Proletarioj de ĉiuj landoj, unuiĝu!“. Laboristoj de la tuta mondo ne estas disigitaj inter si per nacie-regnaj interbaroj, ili neigas militon, ĉar sukcesoj de tiu ĉi lasta interesas iliajn malamikojn—la komandantajn klasojn, starantajn sur la supro de l'kapitalista konstruo, ili proklamas veran fratecon de popoloj, ĉar ili estas unuigitaj per la komuna suferado kaj egala stato en la nuntempa societo kaj havas la komunan por proletarioj de ĉiuj landoj problemon fari la teron kaj ĉiujn rimedojn de produktado—havaĵo de la tuta societo, kiu tial konsistos el egalrajtaj membroj, ne disfalantaj en klasojn kaj ne konantaj homan eksploatadon.

Изъ всѣхъ явленiй современной жизни, имѣющихъ широкое международное значенiе, наиболѣе могучимъ слѣдуетъ признать движенiе соцiалистическое. Соцiализмъ—самая жгучая и самая колоссальная проблема всей нынѣшней цивилизацiи—охватилъ своимъ влiянiемъ не только такъ наз. европейско-американскую цивилизацiю, но сталъ на первую очередь въ соцiальной жизни австралiйскихъ колонiй и даже Азiи въ лицѣ Японiи. Такое широкое распространенiе соцiалистическихъ идей и соцiалистической организацiи объясняется тѣмъ универсальнымъ характеромъ движенiя, который впервые ярко былъ отмѣченъ отцами международнаго соцiализма Марксомъ и Энгельсомъ, написавшими на своемъ знамени кличъ: „Пролетарiи всѣхъ странъ, соединяйтесь!“ Рабочiе всего мiра не раздѣлены между собою нацiонально-государственными перегородками, они отрицаютъ войну, такъ какъ въ успѣхахъ послѣдней заинтересованы ихъ враги—правящiе классы, стоящiе на вершинѣ капиталистическаго строя, они провозглашаютъ дѣйствительное братство народовъ, потому что они объединены общимъ страданiемъ и одинаковымъ положенiемъ въ современномъ обществѣ и имѣютъ общую пролетарiямъ всѣхъ странъ задачу сдѣлать землю и всѣ средства производства—достоянiемъ всего общества, которое поэтому будетъ состоять изъ равноправныхъ членовъ, не распадающихся

Tia estas la fundamenta ideo de l'socialismo, laŭ mem sia naturo—internacia kaj en sia disvastiĝado ne renkontanta barojn en tio, kio disigas popolojn, kiel politikajn unuojn. Kaj efektive, la tuta historio de l'socialista movado estas historio de l'progresanta, paŝo post paŝo, unuiĝado de la laboristaj klasoj de ĉiuj popoloj. La unua granda soc. organizacio, kreita de l'nomitaj ĉefoj de la socialismo, portis la nomon „Internacionalo" kaj konsistis el reprezentantoj de diversaj landoj, inter kiuj, kompreneble, ankaŭ de Ruslando. La plua unuiĝado de l'internacia socialismo elfandiĝis, intercetere, en formon de internaciaj kongresoj de delegatoj de socialistaj partioj de ĉiuj landoj kaj de la konstanta internacia socialista Oficejo en Bruxelles. El plej lastaj faktoj, karakterizantaj tiun varmegan partoprenon, kiun socialistoj akceptas en batalado de siaj alinaciaj fratoj, sufiĉe estas noti la agitadon de l'okcidentaj socialistoj en sekvo de 9 (22) januaro 1905, en sekvo de „l'pogromoj" kaj de eksterlandaj pruntoprenoj de la rusa registaro. Kaj la nombro de similaj faktoj pligrandiĝadas kun ĉiu tago, la internacia unuiĝado de socialistoj kreskas kaj kaptadas novajn landojn, novajn masojn da homoj...

Sed tiu ĉi kreskado de l'internacia komuniĝado fatale, simile al celado al unuiĝo de homoj de diversaj nacioj en aliaj regionoj de l'vivo, sin surpuŝas sur la diverslingvecon de popoloj, sur tiun baron, por kies forigo laboras la amikoj de l'internacia lingvo. Grandioza amplekso de l'internacia socialista movado faras tiun ĉi maloportunecon aparte grava kaj pli akra, ol en aliaj internaciaj movadoj, tial, ke partoprenantoj en tiu ĉi movado—reprezentantoj de la laborista klaso—pli ol iu ajn estas ligitaj per la nescio de lingvoj. Se la maloportuneco de l'multlingveco donas senti sin en la mondo de sciencistoj kaj de personoj de inteligentaj profesioj, jam konsciintaj la necesecon de vasta etendeco de komuna neŭtrala internacia lingvo, des pli akra estas tia bezono por agantoj de la laborista movado, en plej granda parto ne havantaj eblon scii eĉ unu fremdan lingvon. „Proleta-

на классы и не знающихъ человѣческой эксплоатаціи.

Такова основная идея соціализма, по самому существу своему—международная и въ своемъ распространенiи не встрѣчающая препятствiй въ томъ, что раздѣляетъ народы, какъ политическія единицы. И, дѣйствительно, вся исторія соціалистическаго движенія есть исторія постепеннаго объединенія трудящихся классовъ всѣхъ народовъ. Первая крупная соц. организація, созданная названными вождями соціализма, носила названіе „Интернаціоналъ" и состояла изъ представителей разныхъ странъ, въ томъ числѣ, конечно, и Россіи. Дальнѣйшее объединеніе международнаго соціализма вылилось, между прочимъ, въ форму международныхъ конгрессовъ делегатовъ соціалистическихъ партій всѣхъ странъ и постояннаго международнаго соціалистическаго Бюро въ Брюсселѣ. Изъ самыхъ послѣднихъ фактовъ, характеризующихъ то горячее участіе, которое соціалисты принимаютъ въ борьбѣ своихъ иноплеменныхъ братьевъ, достаточно отмѣтить агитацію западныхъ соціалистовъ по поводу 9 Января 1905 г., по поводу погромовъ и внѣшнихъ займовъ русскаго правительства. И число подобныхъ фактовъ увеличивается съ каждымъ днемъ, интернаціональное объединеніе соціалистовъ растетъ и захватываетъ новыя страны, новыя массы людей...

Но этотъ ростъ международнаго общенія фатально, подобно стремленію къ объединенію людей разныхъ націй въ другихъ областяхъ жизни, наталкивается на разноязычіе народовъ, на то препятствіе, для устраненія котораго работаютъ друзья международного языка. Грандіозные размѣры международнаго соціалистическаго движенія дѣлаютъ это неудобство особенно значительнымъ и болѣе острымъ, чѣмъ въ другихъ международныхъ движеніяхъ, потому, что участники этого движенія—представители рабочаго класса—больше кого бы то ни было связаны незнаніемъ языковъ. Если неудобство многоязычія даетъ себя чувствовать въ мірѣ ученыхъ и лицъ интеллигентныхъ профессій, уже сознавшихъ необходимость широкаго распространенія общаго нейтральнаго международнаго языка, то тѣмъ острѣе такая нужда для дѣятелей

rioj de ĉiuj landoj" celas al unuiĝo kaj en tiu sama tempo ili estas senigitaj de plej elementa rimedo de internacia komuniĝado — de komuna lingvo! Tia kontraŭeco tro hele falas en okulojn, por ke sur ĝin ne estu turnita ĝenerala atento. Internaciaj socialistaj kongresoj, sur kiuj kunsidas en plimulto kleraj reprezentantoj de laboristaj partioj, ne unufoje simile al aliaj kongresoj bonege ilustradis la maloportunecon de malesto de komuna lingvo, — kian do amplekson devas akcepti tiu ĉi maloportuneco sur internaciaj kongresoj, konsistantaj el socialistoj-laboristoj? Sed estas ja certe, ke la disvastiĝado de l'soc. movado estas akompanata nome de kreskado de tiel nom. „laborista inteligentularo". La franca sindikalismo, la germana social-demokratio, la juna angla laborista partio kaj, fine, la intencata speciale „laborista kongreso" en Ruslando, kaj ankaŭ la membraro de l'rusa parlamenta Labora Grupo, aliĝanta al la socialista movado, sufiĉe konstatas la fakton de kreskado de la „laborista inteligentularo".

De alia flanko, la disvolviĝado de l'socialista internacia preso (gazetoj, broŝuroj, decidoj de Kongresoj, avizoj kaj cirkuleroj de l' Internacia Soc. Oficejo k. sim.) ankaŭ devis starigi sur unuan vicon la demandon pri uzado de internacia lingvo. Por ekzemplo oni povas nomi la organon de unu el rusaj soc. partioj „La Tribune Russe", eldonatan en Parizo en la franca lingvo. Kompreneble, tiu ĉi organo, simile al multaj aliaj, havanta celon konatigadi la internacian publikon kun rusaj aferoj, multe pli bone plenumadus sian taskon, se ĝi estus eldonata en internacia lingvo, akceptita por ĝenerala uzado...

Tia stato de l'afero devis konduki al neevitebla konkludo favora al akcepto de internacia lingvo por uzado en la internacia socialista movado kaj ni estas atestantoj de kreskanta iom post iom almilitado de diversaj regionoj de l'socialista movado, kiun faras la ideo de internacia lingvo. La legantoj de „Rusl. Esp." (1905 j.) jam scias, ke la demando pri

рабочаго движенія, въ громадномъ большинствѣ не имѣющихъ возможности знать хотя бы одинъ чужой языкъ. „Пролетаріи всѣхъ странъ" стремятся къ объединенію и въ то же время лишены элементарнѣйшаго орудія общенія — общаго языка! Такое противорѣчіе слишкомъ ярко бросается въ глаза, чтобы на него не было обращено всеобщаго вниманія. Международные соціалистическіе конгрессы, на которыхъ засѣдаютъ въ большинствѣ образованные представители рабочихъ партій, не разъ подобно прочимъ конгрессамъ превосходно иллюстрировали неудобство отсутствія общаго языка, — какіе же размѣры должно принять это неудобство на международныхъ съѣздахъ, состоящихъ изъ соціалистовъ-рабочихъ? А вѣдь извѣстно, что расширеніе соц. движенія сопровождается именно ростомъ такъ наз. „рабочей интеллигенціи". Французскій синдикализмъ, германская соціалъ-демократія, молодая англійская рабочая партія и, наконецъ, предполагаемый спеціально „рабочій съѣздъ" въ Россіи, а также составъ русской парламентской Трудовой Группы, примыкающей къ соціалистическому движенію, достаточно подтверждаютъ фактъ роста „рабочей интеллигенціи".

Съ другой стороны, развитіе соціалистической международной печати (газеты, брошюры, постановленія Конгрессовъ, извѣщенія и циркуляры Международнаго Соц. Бюро и т. п.) также должно было поставить на очередь вопросъ объ употребленіи международнаго языка. Для примѣра можно назвать органъ одной изъ русскихъ соц. партій „La Tribune Russe", издающійся въ Парижѣ на французскомъ языкѣ. Конечно, этотъ органъ, подобно многимъ другимъ имѣющій цѣлью знакомить международную публику съ русскими дѣлами, гораздо лучше выполнялъ бы свое назначеніе, если бы издавался на международномъ языкѣ, принятомъ для общаго употребленія...

Такое положеніе дѣла должно было привести къ неизбѣжному выводу въ пользу принятія международнаго языка для пользованія въ международномъ соціалистическомъ движеніи, и мы являемся свидѣтелями постепеннаго завоеванія идеей международнаго языка различныхъ областей соціалистическаго движенія. Читатели „Rusl.

akcepto de Esperanto estas levita en la Bruxelles'a Int. Soc. Oficejo. En la kroniko de tiu ĉi № de nia ĵurnalo ili trovos novan konfirmon de sukcesoj de Esperanto. La sindikala movado, ĉirkaŭprenanta grandegajn masojn da socialistoj-laboristoj de Francujo, formale aliĝis sur sia Kongreso al la movado, celanta enkondukon de la internacia lingvo kaj komencas praktike efektivigadi la propagandon de Esperanto. Videble, ree tra Francujo Esperanto, laŭ sia sorto, akiros por si la aprobon inter socialistoj de l'tuta mondo. Tiu ĉi aprobo estas neevitebla, kiel tion ĉi konstatas multenombraj faktoj, grandaj kaj malgrandaj, sed egale karakteraj kaj gravaj. La partoprenantoj en la socialista movado kaj unuiĝantaj laboristoj de ĉiuj landoj komencas klare konscii, ke en la internacia lingvo ili trovos fortan rimedon por sia batalado; ilia intereso al Esperanto kreskas kaj komencas fariĝi afero, la afero de disvastigado kaj uzado de tiu ĉi nova rimedo de internaciaj komunikiĝoj...

Tiu ĉi nova fenomeno de grandega graveco en la historio de l'ideo de internacia lingvo kaj de sukcesoj de Esperanto meritas esti aparte notita. La aprobo de tia eminenta en la nuntempa vivo kaj potenca faktoro de progreso, kia estas la socialismo kaj la laborista movado, estas la plej bona pruvo de viveco de Esperanto kaj kune kun tio ĉi garantio de l'plua, ĉiam pli intensiva, progresado de nia afero.

Saluti tiun ĉi novan fenomenon povas kaj devas ĉiuj esperantistoj: apartenante al diversaj grupoj kaj fluoj de penso, diverse rilatante, en parta okazo, al la socialismo kaj unuiĝante ĉirkaŭ la komuna ideo de internacia lingvo, ĉiuj adeptoj de tiu ĉi lasta egale ĝoje renkontados ĉiun paŝon antaŭen al triumfo de Esperanto, precipe se tiu ĉi paŝo estas farita kun helpo de granda kaj vastampleksa sociala forto. Ĉio, kio akcelas la triumfon de l'ideo, unuiganta esperantistojn, devas trovi amikan saluton kaj helpon de ĉiuj samideanoj. Ni rememorigos unu malgrandan incidenton, havintan lokon sur la lasta Ĝeneva Kongreso de esperantistoj. Kiam estis publike tralegita la letero

Esp.» (1905 г.) уже знаютъ о томъ, что вопросъ о принятіи Эсперанто возбужденъ въ Брюссельскомъ Межд. Соц. Бюро. Въ хроникѣ этого № нашего журнала они найдутъ новое подтвержденіе успѣховъ Эсперанто. Синдикальное движеніе, охватывающее огромныя массы социалистовъ-рабочихъ Франціи, формально присоединилось на своемъ Конгрессѣ къ движенію въ пользу введенія международнаго языка и начинаетъ практически осуществлять пропаганду Эсперанто. Повидимому, опять черезъ Францію Эсперанто суждено завоевать себѣ признаніе среди соціалистовъ всего міра. Это признаніе — неизбѣжно, какъ это подтверждаютъ многочисленные факты, крупные и мелкіе, но одинаково характерные и важные. Участники соціалистическаго движенія и объединяющіеся рабочіе всѣхъ странъ начинаютъ ясно сознавать, что въ международномъ языкѣ они найдутъ сильное орудіе для своей борьбы; ихъ интересъ къ Эсперанто растетъ и начинаетъ претворяться въ дѣло, въ дѣло распространенія и употребленія этого новаго средства международныхъ сношеній...

Это новое явленіе огромной важности въ исторіи идеи международнаго языка и успѣховъ Эсперанто заслуживаетъ быть особенно отмѣченнымъ. Признаніе со стороны такого выдающагося въ современной жизни и мощнаго фактора развитія, какимъ является соціализмъ и рабочее движеніе, служитъ наилучшимъ доказательствомъ жизненности Эсперанто и, вмѣстѣ съ тѣмъ, залогомъ дальнѣйшаго все болѣе интенсивнаго прогресса нашего дѣла.

Привѣтствовать это новое явленіе могутъ и должны всѣ эсперантисты: принадлежа къ различнымъ группамъ и теченіямъ мысли, различно относясь, въ частности, къ соціализму и объединяясь вокругъ общей идеи международнаго языка, всѣ сторонники послѣдней одинаково радостно будутъ встрѣчать всякій шагъ впередъ къ торжеству Эсперанто, особенно если этотъ шагъ сдѣланъ при помощи великой и всеобъемлющей общественной силы. Все, что способствуетъ тріумфу идеи, объединяющей эсперантистовъ, должно найти дружескій привѣтъ и поддержку всѣхъ единомышленниковъ. Мы напомнимъ ма-

de l'papo Pio X, alsendinta sian benon al esperantistoj-katolikoj, tiam sin levis unu el partoprenantoj en la Kongreso, prof. Charles Bourlet, kaj proklamis, ke, estante laŭ siaj religiaj konvinkoj liberpensulo, li tamen varmege salutas la papan alsendaĵon, ĉar ĝi povas helpi al triumfo de l'ideo de internacia lingvo. Tiu ĉi malgranda demonstracio de ĝenerala unueco sur la fundamento de nia ideo, sur kiu kunvenas homoj de diversaj opinioj kaj konvinkoj, sekviginta unuaniman aprobon de l'Kongreso, devas memorigi nin, ke al sia triumfo la ideo de internacia lingvo devas iri per ĉiuj eblaj vojoj, per ĉiuj homoj,—aparte, per laboristoj de la tuta mondo.

ленькій инцидентъ, имѣвшій мѣсто на послѣднемъ Женевскомъ Конгрессѣ эсперантистовъ. Когда было публично прочитано письмо папы Пія X, приславшаго свое благословеніе эсперантистамъ-католикамъ, поднялся одинъ изъ участниковъ Конгресса, проф. Charles Bourlet, и заявилъ, что, будучи по своимъ религіознымъ убѣжденіямъ свободомыслящимъ, онъ тѣмъ не менѣе горячо привѣтствуетъ папское посланіе, такъ какъ оно можетъ помочь торжеству идеи международнаго языка. Эта маленькая демонстрація всеобщаго единенія на почвѣ нашей идеи, на которой сходятся люди разныхъ взглядовъ и убѣжденій, вызвавшая единодушное одобреніе Конгресса, должна напомнить намъ, что къ своему торжеству идея международнаго языка должна идти всѣми доступными путями, черезъ всѣхъ людей,—въ частности, черезъ рабочихъ всего міра.

# RUĜA RIDO.

*de Leonid Andrejev.*

(Fino).

### Fragmento deksesa.

... jam okan tagon daŭras batalo. Ĝi komenciĝis en la pasinta vendredo, kaj pasis sabato, dimanĉo, lundo, mardo, merkredo, ĵaŭdo—kaj ree venis vendredo kaj pasis,—sed ĝi tamen daŭras. Ambaŭ armeoj, centoj da miloj da homoj staras unuj kontraŭ aliaj, ne irante malantaŭen, senĉese sendas eksplodiĝantajn tondrantajn bombojn; kaj ĉiun minuton vivaj homoj fariĝas malvivaj korpoj. De l'tondrado, de la senĉesa tremado de l'aero ektremis la mem cielo kaj kolektis super ilia kapo nigrajn nubojn kaj fulmotondron,—sed ili staras unuj kontraŭ aliaj, ne irante malantaŭen, kaj mortigadas. Se homo ne dormas tri tag-noktojn, li fariĝas malsana kaj malbone memoras, sed ili ne dormas jam dum tuta semajno, kaj ili ĉiuj estas frenezaj. Pro tio ĉi ili ne sentas doloron, pro tio ĉi ili ne iras malantaŭen kaj batados ĝis ili mortigos ĉiujn. Oni diras, ke en kelkaj taĉmentoj mankis artileriaj aparatoj, kaj tie homoj batiĝadis per ŝtonoj, manoj, sin mordadis, kiel hundoj. Se restaĵoj de tiuj ĉi homoj revenos hejmen, ili havos kojnajn dentojn, kiel lupoj,—sed ili ne revenos: ili freneziĝis kaj mortigos ĉiujn. Ili freneziĝis. En kapo ilia ĉio transturniĝis, kaj ili nenion komprenas: se ilin oni krute kaj rapide returnus, ili komencus pafadi en siajn, kredante, ke ili batas la malamikon.

Strangaj famoj... Strangaj famoj, kiujn oni rakontas murmurante, paliĝante de teruro kaj sovaĝaj antaŭsentoj. Frato, frato, aŭskultu, kion oni rakontas pri ruĝa rido! Kvazaŭ aperis fantomaj taĉmentoj, amasoj da fantomoj, ĉiel similaj al vivuloj. En noktoj, kiam freneziĝintaj homoj por minuto forgesiĝas per dormo, aŭ en plej flama momento de taga batalo, kiam mem klara tago fariĝas fantomo, ili aperas

subite kaj pafas el fantomaj pafilegoj, plenigante aeron per fantoma bruo, kaj homoj, vivaj, sed frenezaj homoj, frapitaj de l'subiteco, batalas ĝis morto kontraŭ fantoma malamiko, freneziĝas de teruro, griziĝas momente kaj mortas. La fantomoj malaperas subite, kiel aperis, kaj venas silento, kaj sur la tero kuŝas novaj kripligitaj malvivaj korpoj—kiu ilin mortigis? Vi scias, frato, kiu ilin mortigis?

Kiam post du bataloj venas kvietiĝo kaj malamikoj estas malproksime, subite, en malluma nokto, eksonas sola timigita pafo. Kaj ĉiuj eksaltas, kaj ĉiuj pafas longe, dum tutaj horoj—en senvoĉan, senrespondan mallumon. Kiun vidas ili tie? Kiu, terura, montras al ili sian silenteman figuron, spirantan per teruro kaj frenezeco? Vi scias, frato, kaj mi scias, sed homoj ankoraŭ ne scias, sed jam sentas ili kaj demandas, paliĝante: kial tiom multaj estas frenezuloj—ja ĝis nun neniam estis tiom multe da frenezuloj?

— Ja ĝis nun neniam estis tiom multe da frenezuloj!—parolas ili, paliĝante, kaj ili volas kredi, ke nun estas, kiel antaŭe, kaj ke tiu ĉi tutmonda perforto super prudento ne tuŝos ilian malfortan prudenteton.

— Ja bataladis do homoj ankaŭ antaŭe kaj ĉiam, kaj nenio estis tia? Batalado estas leĝo de l'vivo,—parolas ili konvinkite kaj trankvile, sed ili mem paliĝas, sed ili mem serĉas per la okuloj kuraciston, sed ili mem krias rapideme: akvon, pli rapide glason da akvo!

Ili volonte fariĝus idiotuloj, tiuj ĉi homoj, por nur ne aŭdi, kiel sin balancas ilia prudento, kiel en nevenkebla batalado kun sensenco malfortiĝas ilia prudento. En tiuj ĉi tagoj, kiam tie senĉese el homoj oni faras malvivajn korpojn, mi nenie povis trovi pacon kaj kuradis inter homoj, kaj multe aŭdis da tiuj ĉi paroladoj, kaj multe vidis da tiuj ĉi malsincere ridetantaj vizaĝoj, certigantaj, ke la milito estas malproksime kaj ne koncernas ilin. Sed ankoraŭ pli mi renkontis da nuda, verema teruro kaj sen--peraj maldolĉaj larmoj, kaj da furiozaj krioj de ..despero, kiam mem granda prudento en streĉeco de ĉiuj siaj fortoj elkriadis el homo lastan petegon, lastan sian malbenon:

— Kiam do finiĝos tiu ĉi freneza buĉado!

Ĉe iuj konatoj, kie mi ne estis delonge, povas esti, kelkajn jarojn, mi senatende renkontis frenezan oficiron, revenigitan de l'milito. Li estis mia kolego en lernejo, sed mi ne rekonis lin; sed lin ne rekonis ankaŭ la patrino, kiu lin naskis: se li unu jaron kuŝus en tombo, li revenus pli simila al si, ol nun. Li griziĝis kaj estas tute blanka; la trajtoj de lia vizaĝo malmulte ŝanĝiĝis,—sed li silentas kaj aŭskultas ion—kaj pro tio ĉi sur lia vizaĝo kuŝas minaca sigelo de tia malproksimeco, de tia fremdeco al ĉio, ke estas terure kun li ekparoli. Kiel oni rakontis al la parenculoj, li freneziĝis tiel: ili staris en rezervo, kiam la apuda regimento ekiris en bajonetan atakon. Homoj kuris kaj kriis „hurá" tiel laŭte, ke preskaŭ supersonadis super pafoj,—kaj subite ĉesiĝis pafoj—kaj subite ĉesiĝis „hurá",—kaj subite venis tomba silento: tio estis, ke ili alkuris, kaj komenciĝis bajoneta batalo. Kaj tiun ĉi silentecon ne eltoleris lia prudento.

Nun li estas trankvila, dum ĉe li oni parolas, faras bruon, krias; kaj li tiam aŭskultas kaj atendas; sed se nur fariĝas minuta silento, li ekkaptas sian kapon, kuras sur muron, sur meblon kaj konvulsiiĝas atake, simile al epilepsio. Li havas multajn parencojn, ili alternas ĉirkaŭ li kaj ĉirkaŭas lin per bruo, sed restas noktoj, longaj senvoĉaj noktoj,—kaj tie ĉi ekpartoprenis lia patro, ankaŭ griza kaj ankaŭ iom freneza. Li pendigis en tuta lia ĉambro laŭte „tik-antajn" horloĝojn, frapantajn preskaŭ senĉese en diversa tempo, kaj nun aplikas ian radon, similan al senĉesa krakilo. Ĉiuj ili ne perdas esperon, ke li saniĝos, ĉar li havas nur dudek sep jarojn, kaj nun ĉe ili estas eĉ gaje. Lin oni vestas tre pure ne en militan vestajon—oni sin okupas je lia eksteraĵo, kaj kun siaj blankaj haroj kaj juna ankoraŭ vizaĝo, enpensa, atentema, nobla en malrapidaj, lacaj movoj, li estas eĉ bela.

Kiam al mi oni rakontis ĉion, mi aliris kaj ekkisis lian manon, palan, velkan manon, kiu neniam jam leviĝos por ekbato, — kaj neniun tio ĉi aparte mirigis. Nur lia juneta fratino ekridetis al mi per okuloj kaj poste tiel flegadis min, kvazaŭ mi estus ŝia fianĉo, kaj ŝi amis min pli, ol iun ajn en la mondo. Tiel ŝi flegis, ke mi apenaŭ ne rakontis al ŝi pri miaj mallumaj kaj malplenaj ĉambroj, en kiuj al mi estas pli malbone, ol al mi sola—malnobla koro, neniam perdanta esperon... Kaj aranĝis ŝi tiel, ke ni restis duope.

— Kia vi estas pala kaj sub la okuloj-

rondoj,—diris ŝi afable. — Vi estas malsana? Vi kompatas vian fraton?

— Mi kompatas ĉiujn. Kaj mi estas iom nesana.

— Mi scias, kial vi kisis lian manon. Ili tion ĉi ne komprenis. Por tio, ke li estas freneza, jes?

— Por tio, ke li estas freneza, jes.

Ŝi ekpensiĝis kaj fariĝis simila al la frato—nur tre juna.

— Al mi do,—ŝi haltis kaj ruĝiĝis, sed ne mallevis la okulojn,—al mi do ĉu vi permesos kisi vian manon?

Mi stariĝis antaŭ ŝi sur la genuojn kaj diris:

— Benu min.

Ŝi iom paliĝis, defiankiĝis kaj per solaj lipoj ekmurmuris:

— Mi ne kredas.

— Kaj mi ankaŭ.

Por unu sekundo ŝiaj manoj tuŝetis mian kapon, kaj tiu ĉi sekundo pasis.

— Vi scias,—diris ŝi,—mi veturas tien.

— Veturu. Sed vi ne eltoleros.

— Mi ne scias. Sed ili bezonas, kiel vi, kiel la frato. Ili ne estas kulpaj. Vi memoros min?

— Jes. Kaj vi?

— Mi memoros. Adiaŭ!

— Adiaŭ por ĉiam!

Kaj mi fariĝis trankvila kaj al mi fariĝis facile—kvazaŭ mi jam travivis la plej teruran, kio estas en la morto kaj frenezeco. Kaj unuan fojon hieraŭ mi trankvile, sen timo eniris en mian domon kaj malfermis la kabineton de l'frato, kaj longe sidis apud lia tablo. Kaj kiam nokte, subite vekiĝinte, kiel de puŝo, mi ekaŭdis krakadon de l'seka plumo sur papero, mi ne ektimis kaj ekpensis preskaŭ kun rideto:

— Laboru, frato, laboru! Via plumo ne estas seka—ĝi estas trempita en vivan homan sangon. Ŝajnu viaj folietoj—malplenaj,—per sia minaca malpleneco ili pli diras pri milito kaj pri prudento, ol ĉio skribita de plej saĝaj homoj. Laboru, frato, laboru!

...Kaj hodiaŭ matene mi legis, ke la batalo daŭras, kaj ree ekposedis min timiga maltrankvileco kaj sento de io falanta en la cerbo. Ĝi iras, ĝi estas proksime—ĝi estas jam sur sojlo de tiuj ĉi malplenaj kaj lumaj ĉambroj. Memoru, memoru do pri mi, mia kara fraŭlino: mi freneziĝas. Tridek mil mortigitoj. Tridek mil mortigitoj...

## Fragmento dekŝepa.

... en la urbo estas ia batadego. Famoj estas mallumaj kaj teruraj...

## Fragmento dekoka.

Hodiaŭ matene, trarigardante en gazeto senfinan nomaron de mortigitoj, mi renkontis konatan nomon: mortigita estas la fianĉo de mia fratino, oficiro, alvokita al milita servado kune kun la mortinta frato. Kaj post unu horo leterportisto donis al mi leteron, adresitan por la nomo de l'frato, kaj sur la koverto mi rekonis la manon de l'mortigito: malvivulo skribis al malvivulo. Sed tio ĉi tamen estas pli bona, ol tiu okazo, kiam malvivulo skribas al vivulo; al mi oni montris patrinon, kiu tutan monaton ricevadis leterojn de sia filo post tiam, ke en gazetoj ŝi legis pri lia terura morto—li estis disŝirita de bombo. Li estis amanta filo, kaj ĉiu letero lia estis plena de afablaj vortoj, konsoloj, juna kaj naiva espero pri ia feliĉo. Li estis malviva kaj ĉiutage kun satana akurateco skribis pri vivo, kaj la patrino ĉesis kredi en lia morto,—kaj kiam pasis sen letero unu, dua kaj tria tago kaj venis senfina silento de l'morto, ŝi prenis per ambaŭ manoj malnovan grandan revolveron de l'filo kaj ekpafis en sian bruston. Ŝajnas, ŝi restis viva—mi ne scias, ne aŭdis.

Mi longe rigardadis la koverton kaj pensis: li tenis ĝin en la manoj, li ie aĉetis ĝin, donis monon, kaj servanta soldato iris ien en butikon, li gluis ĝin kaj poste, povas esti, mem ĵetis en keston. Ekmoviĝis rado de tiu malsimpla mekanismo, kiu estas nomata la poŝto, kaj la letero eknaĝis preter arbaroj, kampoj kaj urboj, transirante el unuj manoj en aliajn, sed senŝanĝe irante al sia celo. Li vestis botojn en tiu lasta mateno—sed ĝi naĝis; li estis mortigita, sed ĝi naĝis; li estis ĵetita en kavon kaj superŝutita de korpoj kaj tero—sed ĝi naĝis preter arbaroj, kampoj kaj urboj, viva fantomo en la griza stampita koverto. Kaj nun mi tenas ĝin en la manoj.

Jen estas la enhavo de la letero. Ĝi estas skribita per krajono sur pecetoj kaj ne finita, io malhelpis.

...„Nur nun mi komprenis grandan ĝojon

de milito, tiun ĉi antikvan primitivan ĝuon mortigadi homojn — saĝajn, ruzajn, malicajn, nemezureble pli interesajn, ol plej rabaj bestoj. Ĉiam forprenadi vivon—tio ĉi estas tiel same bone, kiel ludi je laun-tennis per planedoj kaj steloj. Malfeliĉa amiko, kiel domaĝe estas, ke vi ne estas kun ni kaj devas enui en malspiceco de ĉiutageco. En atmosfero de morto vi trovus tion, al kio vi ĉiam celadis kun via maltrankvila, nobla koro. Sanga festeno—en tiu ĉi iom banaligita komparo estas kaŝita la mem vero. Ni vagadas ĝis genuoj en sango, kaj kapo turniĝas de tiu ĉi ruĝa vino, kiel nomas ĝin ŝerce miaj bonaj buboj. Trinki sangon de malamiko—estas tute ne tia malsaĝa moro, kiel opinias ni; ili sciis, kion faris"...

..."Korvaro krias. Vi aŭdas: korvaro krias. De kie estas tiom da ili? De ili nigriĝas la ĉielo. Ili sidas apud ni, perdintaj timon, ili akompanas nin ĉien,—kaj ĉiam ni estas sub ili, kiel sub nigra punta ombrelo, kiel sub sin movanta arbo kun nigraj folioj. Unu aliris al mem vizaĝo mia kaj volis bekigi, pensis, kredeble, ke mi estas malviva. La korvaro krias, kaj tio ĉi iom maltrankviligas min. De kie estas tiom da ili?"

..."Hieraŭ ni eltranĉis dormantojn. Ni iris mallaŭtege, apenaŭ paŝante per piedoj, kiel dum ĉaso kontraŭ birdoj, ni rampis tiel ruze kaj singardeme, ke ni movis neniun korpon, forpelis neniun korvon. Kiel ombroj, iris ni, kaj la nokto kaŝis nin. Mi mem forprenis gardstaranton: faligis lin kaj sufokis per la manoj, por ke ne estu krio. Vi komprenas: plej malgranda krio—kaj ĉio pereus. Sed li ne ekkriis. Li, ŝajnas, ne havis tempon eĉ por konjekti, ke lin oni mortigas.

Ili ĉiuj dormis apud bruletantaj lignaroj, dormis trankvile, kiel hejme sur siaj litoj. Ni tranĉis ilin pli ol tutan horon, kaj nur kelkaj prosperis vekiĝi antaŭ akcepti ekbaton. Kriis kaj, kompreneble, petis indulgon. Mordis. Unu formordis mian fingron sur la maldekstra mano, per kiu mi nesingardeme altenis lian kapon. Li formordis mian fingron, mi do tute forturnis lian kapon; kiel vi pensas, estas ni kvitaj? Kiel ili ĉiuj ne vekiĝis! Estis aŭdate, kiel krakas ostoj kaj hakata estas viando. Poste ni senvestigis ilin ĝis-nude kaj dividis iliajn vestojn inter ni. Mia amiko, ne koleru pro ŝerco. Kun via pedanteco vi diros, ke tio ĉi havas la odoron de rabo, sed ja ni mem estas preskaŭ nudaj, tute ĝis fino uzis niajn vestojn. Mi jam delonge portadas ian virinan jakon kaj estas pli simila al..., ol al oficiro de venka armeo.

Ĝustaloke: vi, ŝajnas, estas edziĝinta, kaj al vi estas ne tute oportune legi tiajn dirojn. Sed... vi komprenas? virinoj. Diablo prenu, mi estas juna kaj soifas amon! Haltu—tio vi havis fianĉinon? Tio vi montris al mi la karteton de ia knabino kaj parolis, ke tio ĉi estas la fianĉino, kaj tie skribita estis io malĝoja, tia malĝoja, tia malgaja. Kaj ploris vi. Tio ĉi antaŭlonge estis, mi malklare memoras, en la milito ne estas ĝusta loko por delikatecoj. Kaj ploris vi. Pri kio vi ploris? Kio estis tie skribita tia malĝoja, tia malgaja, kiel floreto? Kaj ploris vi—tutan tempon ploris, ploris... Kiel ne hontinde estas al oficiro plori!"

..."La korvaro krias. Vi aŭdas, amiko: korvaro krias. Kion bezonas ĝi?"...

Plu la krajonaj linioj defrotiĝis, kaj la subskribon neeble estis tralegi.

Kaj strange: eĉ plej malgrandan kompaton ne elvokis en mi la pereinto. Mi tre klare prezentis al mi lian vizaĝon, en kiu ĉio estis mola kaj delikata, kiel ĉe virino: koloro de l'vangoj, klareco kaj matena freŝeco de l'okuloj, la barbeto tia lanuga kaj delikata, ke per ĝi povus, ŝajnas, sin ornami ankaŭ virino. Li amis librojn, florojn kaj muzikon, timis ĉion severan kaj verkadis versojn, — la frato, kiel kritikisto, certigadis, ke tre bonajn versojn. Kaj kun ĉio, kion mi sciis kaj memoris, mi povis kunligi nek tiun ĉi kriantan korvaron, nek sangan tranĉadon, nek morton.

... La korvaro krias...

Kaj subite por unu freneza, nedireble feliĉa momento al mi klare fariĝis, ke ĉio tio ĉi estas malvero kaj nenia milito estas. Estas nek mortigitoj, nek malviraj korpoj, nek tiu ĉi teruro de l'ekŝanceliĝinta senhelpa penso. Mi dormas sur la dorso kaj mi vidas teruran sonĝon, kiel en infana tempo: kaj tiuj ĉi silentemaj timigaj ĉambroj, dezertigitaj per morto kaj timo, kaj mem mi kun ia sovaĝa letero en la manoj. La frato estas viva, kaj ĉiuj ili sidas antaŭ teo kaj estas aŭdate, kiel sonoras vazaro.

...La korvaro krias...

Ne, tio ĉi estas vero. Malfeliĉa tero, ja tio

ĉi estas vero. La korvaro krias. Tio ĉi estas ne elpensaĵo de senokupa skribisto, serĉanta malkarajn efektojn, de frenezulo, perdinta prudenton. La korvaro krias. Kie estas mia frato? Li estis kvieta kaj nobla kaj por neniu deziris malbonon. Kie estas li? Mi vin demandas, malbenitaj mortigintoj! Antaŭ la tuta mondo demandas mi vin, malbenitaj mortigintoj, korvaro, sidanta sur malvivaĵo, mizeraj—kun malforta prudento—bestoj. Vi estas bestoj. Por kio mortigis vi mian fraton? Se vi havus vizaĝon, mi donus al vi survangan baton, sed vi ne havas vizaĝon, vi havas vizaĝegon de raba besto. Vi vin ŝajnigas homoj, sed sub gantoj mi vidas ungegojn, sub ĉapelo — alplatigitan kranion de besto; post via saĝa parolado mi aŭdas kaŝitan frenezecon, tintantan per rustiĝintaj ĉenoj. Kaj per la tuta forto de mia malĝojo, de mia spiro, de miaj malhonoritaj pensoj—mi malbenas vin, mizeraj—kun malforta prudento—bestoj!

## Fragmento lasta.

.... de vi ni atendas renovigon de l'vivo!

Kriadis oratoro, kun penado sin tenante sur koloneto, balancante la manojn kaj ŝancelante standardon, sur kiu rompiĝadis en faldoj granda surskribo: „For la militon".

...Vi, junaj, vi, kies vivo estas ankoraŭ antaŭe, konservu vin kaj estontajn generaciojn de tiu ci teruro, de tiu ĉi frenezeco. Ne estas fortoj por elporti, sango superverŝas okulojn. La ĉielo falas sur kapojn, la tero dismoviĝas sub piedoj. Bonaj homoj...

La amaso enigme sonis, kaj la voĉo de de l'parolinto en kelkaj minutoj perdiĝadis en tiu ĉi viva kaj minaca bruo.

— ... Estu mi freneza, sed mi parolas veron. Miaj patro kaj frato putras tie, kiel mortrestaĵo. Dismetu brulajn lignarojn, fosu kavojn kaj detruu, enterigu armilojn. Detruu soldatejojn kaj forprenu de homoj tiun ĉi brilantan veston de frenezeco, forŝiru ĝin. Ne estas fortoj por elporti... Homoj mortas...

Lin ekbatis kaj forpuŝis de l'koloneto iu alta; la standardo leviĝis ankoraŭ unufoje kaj falis. Mi ne havis tempon por rigardi la vizaĝon de l'ekbatinto, ĉar tuj ĉio fariĝis freneza sonĝo. Ĉio sin ekmovis, ekscitiĝis, ekblekis; en aero ekflugis ŝtonoj, ŝtipoj, super kapoj leviĝis pugnoj, iun batintaj. La amaso, kiel viva krieganta ondo, levis min, deportis post kelkaj paŝoj kaj forte ekbatis al barilo, poste forportis reen kaj ien en flankon kaj, fine, alpremis al alta meto de ligno, inkliniĝinta antaŭen kaj minacinta fali sur kapojn. Io seke kaj ofte ekkrakis kaj ekbruis sur traboj; momenta silentiĝo—kaj ree la kriego, grandega, larĝefaŭka, terura en sia natureco. Kaj ree seka kaj ofta krakado, kaj iu apud mi falis, kaj el ruĝa truo sur la loko de okulo ekverŝiĝis sango. Kaj multepeza ŝtipo, rondiĝante en la aero, per sia fino ekbatis mian vizaĝon, mi falis kaj ekrampis ien inter frapantaj piedoj, kaj eliris sur liberan spacon. Poste mi transrampadis iajn barilojn, forrompinte ĉiujn miajn ungojn, surrampadis sur metojn de lignoj; unu disŝutiĝis sub mi, kaj mi falis kune kun akvofalo de frapiĝantaj ŝtipoj; el iu fermita kvarangulo mi apenaŭ eliris — kaj post mi, atingante min, ĉio tondris, kriegis, blekis kaj krakis. Ie sonoris sonorilego; io renversiĝis, kvazaŭ falis kvinetaĝa domo. La krepusko kvazaŭ haltis, ne lasante nokton, kaj en tiu flanko la kriego kaj pafoj kvazaŭ koloriĝis per ruĝa lumo kaj forpelis mallumon. Forsaltinte de lasta barilo, mi okazis en ia mallarĝa, kurba strateto, simila al koridoro inter du senpordaj muroj, kaj ekkuris kaj kuris longe, sed la strateto okazis sen eliro: ĝin fermis barilo, kaj post ĝi ree estis vidataj nigraj metoj de lignoj kaj trabaro. Kaj ree mi rampadis sur tiuj ĉi moveblaj, ŝanceliĝaj grandegaĵoj, faladis en iajn putojn, kie estis mallaŭte kaj odoris kruda ligno, kaj ree elrampadis eksteren kaj ne kuraĝadis rigardi malantaŭen: mi ja tiel sciis, kio fariĝas tie, dank'al ruĝeta malklara kovraĵo, kuŝiĝinta sur nigrajn trabojn kaj farinta ilin similaj al mortigitaj grandeguloj. La sango de l'disbatita vizaĝo ĉesis flui, kaj ĝi rigidiĝis kaj fariĝis fremda, kiel gipsa masko; kaj la doloro preskaŭ tute kvietiĝis. Ŝajnas, en unu el nigraj falejoj, kien mi renversiĝis, mi svenis kaj perdis konscion, sed mi ne scias, ĉu tio ĉi estis efektive, aŭ al mi nur ŝajnis, ĉar rememoras mi min nur kurantan.

Poste mi longe vagadis sur nekonataj stratoj, sur kiuj ne estis lanternoj, inter nigraj domoj, en kiuj kvazaŭ mortis loĝantoj, kaj neniel povis eliri el ilia muta labirinto. Mi devus halti kaj rigardi ĉirkaŭ mi por difini direkton, sed tion ĉi neeble estis fari: post mi sin portis ankoraŭ malproksima, sed atinganta

tondro kaj bleko; iafoje, sur subita turnoloko, ĝi ekbatadis mian vizaĝon, ruĝa, envolvita en bulojn de purpura, tordiĝanta fumo, kaj tiam mi min turnadis reen kaj min ĵetadis ĝis kiam ĝi ree okazadis post mia dorso. Sur unu angulo mi ekvidis strion de lumo, estingiĝinta dum mia alproksimiĝo: tio ĉi oni rapideme fermis ian magazenon. En larĝa fendo mi ankoraŭ ekvidis peceton de tablo kaj ian barelon, kaj subite ĉio vestiĝis per silentema, kaŝiĝinta nebulo. Nemalproksime de l'magazeno mi renkontis homon, kurintan al mi renkonte, kaj en mallumo ni apenaŭ ne kunpuŝiĝis kaj ekhaltis en du paŝoj unu de la alia. Mi ne scias, kiu estis li: mi vidis nur la malluman singardantan silueton.

— Vi iras de tie?—demandis li.

— De tie.

— Kaj kien vi kuras?

— Hejmen.

— Ha! Hejmen?

Li iom silentis kaj subite ĵetiĝis sur min, penante renversi min sur teron, kaj liaj malvarmaj fingroj avide palpadis mian gorĝon, sed konfuziĝadis en vestaĵo. Mi ekmordis lian manon, min elŝiris kaj ekkuris, kaj li longe rapidis post mi sur dezertaj stratoj, laŭte frapante per siaj botoj. Poste li restis malantaŭe—kredeble, li doloris pro la mordo.

Mi ne scias, kiel mi aperis sur mia strato. Sur ĝi ankaŭ ne estis lanternoj, kaj domoj staris sen ia fajro, kiel malvivaj, kaj mi trakurus ankaŭ ĝin, ne rekonante, se mi ne levus okaze la okulojn kaj ne ekvidus mian domon. Sed mi longe dubis: la mem domo, en kiu mi loĝis tiom da jaroj, ŝajnis al mi fremda sur tiu ĉi stranga malviva strato, vekinta malĝojan kaj neordinaran eĥon de mia laŭta spirado. Poste min ekkaptis subita furioza timo pro penso, ke mi perdis la ŝlosilon, falante, kaj mi apenaŭ trovis ĝin, kvankam ĝi estis tie ĉi en ekstera poŝo. Kaj kiam mi ekkrakis per la seruro, la eĥo ripetis la sonon tiel laŭte kaj neordinare, kvazaŭ subite malfermiĝis pordoj sur la tuta strato en ĉiuj malvivaj domoj.

... Antaŭe mi min kaŝis en subtera kelo, sed baldaŭ fariĝis terure kaj enue kaj antaŭ la okuloj io komencis flugadi, kaj mi mallaŭtete iris en la ĉambrojn. En la mallumo, palpe mi fermis ĉiujn pordojn kaj, post kelka meditado, volis bari ilin per meblo, sed sono de l'movata lignaĵo estis terure laŭta en la malplenaj ĉambroj kaj timigis min.

— Mi tiel atendados la morton. Ja estas tute egale,—decidis mi.

En la lavujo estis ankoraŭ akvo, tre varma, kaj mi palpe min lavis kaj viŝis la vizaĝon per littuko. Tie, kie la vizaĝo estis disbatita, tre doloris kaj estis sento de pinĉado, kaj mi ekvolis rigardi min en spegulo. Mi ekbruligis alumeton—kaj kun ĝia ne egale hela, malforte disbruliĝanta lumo min ekrigardis el mallumo io tiom malbela kaj terura, ke mi rapideme ĵetis la alumeton sur la plankon. Ŝajnas, estis rompita la nazo.

— Nun estas tute egale, — pensis mi.— Neniu tion ĉi bezonas.

Kaj al mi fariĝis gaje. Kun strangaj mienoj kaj grimacoj, kvazaŭ mi estis en teatro kaj prezentadis ŝteliston, mi iris al la bufedo kaj komencis serĉi restaĵojn de nutraĵo. Mi klare konsciadis la neĝustlokecon de ĉiuj tiuj ĉi mienoj, sed al mi tiel plaĉis. Kaj manĝis mi ankaŭ kun tiuj samaj grimacoj, prezentante hipokrite, ke mi estas tre avida.

Sed mallaŭteco kaj mallumo timigadis min. Mi malfermis fenestreton, turnitan en la korton, kaj komencis aŭskulti. Antaŭe, kredeble, tial, ke veturado ĉesis, al mi ŝajnis tute mallaŭte. Kaj paŝoj ne estis. Sed mi baldaŭ klare distingis malproksiman bruon de voĉoj, kriojn, krakon de io falanta kaj ridegon. La sonoj rimarkeble grandiĝadis en sia forteco. Mi ekrigardis la ĉielon: ĝi estis purpura kaj rapide kuris. Kaj la stalo kontraŭ mi, kaj la pavimo sur la koto, kaj la budeto de l'hundo estis koloritaj en tiu sama ruĝeta koloro. Mallaŭtete mi vokis el la fenestro la hundon:

— Neptuno!

Sed en la budeto nenio moviĝis, kaj apude mi ekvidis en la purpura lumo brilantan peceton de l'ĉeno. Malproksima krio kaj krako de io falanta ĉiam kreskis, kaj mi fermis la fenestreton.

— Oni iras tien ci!—ekpensis mi kaj komencis serĉi, kie mi povus min kaŝi. Mi malfermadis fornojn, palpadis kamenon, malfermadis ŝrankojn, sed ĉio tio ĉi ne taŭgis. Mi trairis ĉiujn ĉambrojn, krom la kabineto, kien mi ne volis rigardi. Mi sciis, ke li sidas en sia apogseĝo kontraŭ la tablo, surŝutita de libroj, kaj nun tio ĉi estus al mi malagrable.

Iom post iom al mi komencis ŝajni, ke mi iras ne unu: ĉirkaŭ mi en mallumo sin mo-

vadis silente iaj homoj. Ili preskaŭ altuŝis al mi, kaj unufoje ies spiro glaciigis mian nukon.

— Kiu estas tie ĉi? — murmure demandis mi, sed neniu respondis.

Kaj kiam mi ree ekiris, ili moviĝis post mi, silentemaj kaj teruraj. Mi sciis, ke tio ĉi al mi ŝajnas tial, ke mi estas malsana kaj en mi, videble, komenciĝas febro sed mi ne povis venki la timegon, pro kiu la tuta korpo komenciĝadis tremi, kiel en tremfrosto. Mi ekpalpis la kapon: ĝi estis varmega, kiel fajro.

— Mi iros pli bone tien,—ekpensis mi.— Li estas do nia.

Li sidis en sia apogseĝo antaŭ la tablo, surŝutita de libroj, kaj ne malaperis, kiel tiam, sed restis. Tra mallevitaj drapiraĵoj en la ĉambron trabatiĝadis la ruĝeta lumo, sed nenion lumigis, kaj li estis apenaŭ videbla Mi sidiĝis en flanko de li sur la kanapo kaj komencis atendi. En la ĉambro estis mallaŭte, sed de tie sin alpotradis egala bruo, krakado de io falanta kaj apartaj krioj. Kaj ili alproksimiĝadis. Kaj la purpura lumo fariĝadis ĉiam pli forta, kaj mi jam vidis en la apogseĝo lin: nigra, fandefera profilo, ĉirkaŭstrekita de mallarĝa ruĝa strio.

— Frato!—diris mi.

Sed li silentis, senmova kaj nigra, kiel monumento. En la apuda ĉambro ekkraketis planka tabulo—kaj subite farigis tiel neordinare mallaŭte, kiel estas nur tie, kie estas multaj mortintoj. Ĉiuj sonoj silentiĝis, kaj la mem purpura lumo akiris nekapteblan nuancon de morteco kaj mallaŭteco, fariĝis senmova kaj iom malklara. Mi ekpensis, ke de l'frato iras tia mallaŭteco, kaj diris al li pri tio ĉi.

— Ne, tio ĉi estas ne de mi, — respondis li.—Rigardu en la fenestron.

Mi fortiris la drapiraĵon—kaj akre forpaŝis.

— Jen kio do!— diris mi.

— Voku mian edzinon; ŝi tion ĉi ankoraŭ ne vidis,—ordonis la frato.

Ŝi sidis en la manĝoĉambro kaj ion kudris, kaj, ekvidinte mian vizaĝon, obeeme sin levis, enpuŝis la kudrilon en la kudraĵon kaj iris post mi. Ml fortiris la kurtenojn en ĉiuj fenestroj, kaj en la larĝajn fendojn libere enverŝiĝis la purpura lumo, sed ial ne faris la ĉambron pli luma: ĝi restis tiel same malluma, kaj nur la fenestroj senmove brulis en ruĝaj grandaj kvarangulој.

Ni aliris al la fenestro. De la mem muro de l'domo, de l'kornico komenciĝis la ebena fajre-ruĝa cielo, sen nuboj, sen steloj, sen suno, kaj iris post la horizonton. Malsupre do sub ĝi kuŝis tia sama ebena mallume-ruĝa kampo, kaj estis kovrita ĝi per malvivaj korpoj. Ĉiuj korpoj estis nudaj kaj kun piedoj, turnitaj al ni, kaj tial ni vidis nur plandojn de piedoj kaj triangulajn kapojn. Kaj estis mallaute, — videble, ĉiuj mortis, kaj sur la senfina kampo ne estis forgesitoj.

— Ili fariĝas pli multaj,—diris la frato.

Li ankaŭ staris apud la fenestro, kaj ĉiuj estis tie ĉi: la patrino, la fratino kaj ĉiuj, kiuj loĝis en tiu ĉi domo. Iliaj vizaĝoj ne estis vidadaj, kaj mi rekonadis ilin nur laŭ voĉo.

— Tio ĉi ŝajnas,—diris la fratino,

— Ne, vere. Vi rigardu.

Vere, la korpoj fariĝis kvazaŭ pli multaj. Ni atente serĉis kaŭzon kaj ekvidis: apud unu mortinto, kie antaŭe estis libera loko, subite ekaperis korpo: videble, ilin elĵetadis la tero. Kaj ĉiuj liberaj interspacoj rapide pleniĝadis, kaj baldaŭ la tuta tero plilumiĝis de pale-ruĝaj korpoj, kuŝintaj en vicoj, kun nudaj plandoj turnitaj al ni. Kaj en la ĉambro plilumiĝis per pale-ruĝa morta lumo.

— Rigardu, por ili mankas loko, —diris la frato.

La partino respondis:

— Unu estas jam tie ĉi.

Ni ekrigardis reen: post ni sur la planko kuŝis nuda, pale-ruĝa korpo kun returnita kapo. Kaj tuj apud ĝi aperis dua kaj tria. Kaj unu post alia elĵetadis ilin la tero, kaj baldaŭ regulaj vicoj de pale-ruĝaj mortaj korpoj plenigis ĉiujn ĉambrojn.

— Ili estas ankaŭ en la infana ĉambro,— diris la vartistino.—Mi vidis.

— Oni devas foriri,—diris la fratino.

— Sed ja ne estas trairejo, — resonis la frato.—Rigardu.

Vere, per nudaj piedoj ili jam tuŝetis nin kaj kuŝis firme, havante manojn apud manoj. Kaj jen ili ekmoviĝis kaj ektremis, kaj levetis en tiuj samaj regulaj vicoj: tio ĉi el la tero eliradis novaj malvivuloj kaj levadis ilin al supro.

— Ili nin sufokos!—diris mi.—Ni savu nin en la fenestron.

— Tien estas neeble!—ekkriis la frato. Tien estas neeble! Ekrigardu, kio estas tie!

...Post la fenestro, en la purpura kaj senmova lumo staris la mem Ruĝa Rido.

**Serĉanto.**

Fino.

# „EL A. PLEŜĈEJEV".

Ĉu morto estas cel'? Sed kial vojo tera
Kun sia hela luksą kovr' mirinde floras?
Kaj kial dum aŭtun' malgaja kaj mizera
Ni, teron forlasante, kontraŭvole ploras?

Sed se la vivo estas celo? Niajn vojojn
Pruneloj kial kovras inter floroj ĉarmaj?
Kaj kial sur silikan teron multajn fojojn
Verŝiĝas nia sang', verŝiĝas pluvoj larmaj?

**Vs. Lojko.**

# „Ĝ E S S I".

Novelo de Anatole France.

En Londono, dum reĝado de Elizabeto, loĝis scienculo; oni nomis lin Bog kaj li estis konata sub nomo Bogus, kiel aŭtoro de glora verko pri eraroj de homaro kiun neniu vidis.

Bogus prilaboradis ĝin jam dudek kvin jarojn, sed eldonis ankoraŭ nek unu linion; la manuskripto nete skribita konsistis el dek foliegaroj, metitaj sur breto ĉe fenestro. Unua volumo enhavis en si diskutadon pri naskiĝo, fundamento de ĉiuj eraroj. En pluaj volumoj priparolitaj estis eraroj de knaboj kaj knabinoj, junuloj, maturaj viroj kaj maljunuloj, homoj de ĉiuj statoj kaj okupoj: regnoviroj, komercistoj, soldatoj, kuiristoj, verkistoj k. t. p. Lastaj volumoj, ankoraŭ ne prilaboritaj tute, parolis pri eraroj de regnoj, kiuj devenas el eraroj de privatuloj.

Kunligo de apartaj tezoj de la libro estis tia, ke oni ne povis elĵeti eĉ unu paĝon ne tuŝinte tuton; konkludoj senpere eliris unu el la alia kaj la lasta senneigeble pruvis, ke malbono estas esenco de vivo, kaj ke se vivo estas difinita ero, oni povas matematike precize montri, ke sur tero estas tiom da malbono, kiom estas da vivo.

Bogus ne faris eraron: li ne edziĝis. Li loĝis sola en sia dometo, kun maljuna servistino Ket *), t. e. Ekaterino, kiun li nomis Klaŭzentino, ĉar ŝi naskiĝis en Southampton. Sed fratino de la filozofo havis prudenton malpli transcedentan, ol ŝia frato kaj tial ŝi iradis de unu eraro al alia: ŝi ekamis drapiston el City, edziniĝis kaj naskis knabinon-Ĉessi.

Lasta ŝia eraro estis morto post dek jaroj de l'edzeco. Sekvo de tiu ĉi eraro estis morto de l'drapisto, ne elportinta la perdon de l'edzino. Bogus donis rifuĝon ĉe si al la orfeto plej antaŭe pro kompato, kaj poste esperante, ke ŝi liveros al li bonan modelon de infanaj eraroj.

Ŝi havis ses jarojn. Unuan semajnon ŝi ploris kaj ĉiam silentis. Dum oka tago ŝi diris al Bogus:

— Mi sonĝis, ke la panjo, tuta en blanka vesto kun floroj en faldoj de vesto, elŝutis florojn al mi sur liton, sed mi hodiaŭ matene ne trovis ilin. Donu do al mi ilin, la florojn de mia panjo!

Bogus notis al si ĉi-tiun eraron, sed en rimarko li skribis: „eraro senkulpa kaj siaspece estetika".

Post kelka tempo Ĉessi diris:

— Onklo Bogus, vi estas maljuna kaj kripla, sed mi fortike amas vin kaj vi devas ami min.

Bogus ektuŝis plumon, sed, konfesinte post kelka batalo kontraŭ si mem, ke li vere ne estas jam juna kaj neniam estis bela, li, ne notis la parolon de l'infano kaj nur demandis:

— Kial mi devas ami vin, Ĉessi?

— Ĉar mi estas malgranda!

„Kaj ĉu oni devas ami malgrandajn?" demandis sin Bogus. „Eble, ili efektive bezonas, ke oni ilin amu. Per tio oni povus pardoni ordinaran eraron de patrinoj. kiuj donas al siaj infanoj lakton kaj amon. Tio ĉi estas ĉapitro de mia laboro, kiun mi devos aliigi".

*) „Ket" estas angla karesa aliigo de virina nomo Ekaterino.

Matene, en sia nomtago doktoro Bogus eniris en la ĉambron, kie estis liaj libroj kaj paperoj kaj kiun li nomis sia biblioteko. Li eksentis agrablan odoron kaj ekvidis sur fenestro poteton kun kariofilo. Estis nur tri floroj, sed tri puncaj floroj, kiujn gaje karesis la suno. Kaj ĉio ridis en la ĉambro de la scienculo: kaj malnova apogseĝo kun brodita sidloko, kaj tablo nuksoligna,—ridis bindaĵoj de malnovaj libroj, el nigra ledo, pergameno kaj porkledo. Ĉessi ĉirkaŭprenis lin kaj diris:

— Rigardu, onklo Bogus, rigardu: tie ĉi estas la ĉielo— kaj ŝi montris tra enkadrigitaj per stano vitroj bluetan travideblan malproksimaĵon,—tie ĉi pli malsupre estas la tero, tero en floroj,—ŝi montris la poton kun la kariofilo,—kaj malsupre nigraj dikaj libroj, tio ĉi estas infero. Kaj tiuj ĉi dikaj nigraj libroj estis ĝustatempe dek volumoj de l'diskutado pri „Eraroj de homaro". Eraro de Ĉessi memorigis al Bogus pri lia laboro, kiun li forgesis dum lasta tempo, promenante sur stratoj kaj ĝardenoj kun la nevino. La knabino trovadis ĉie milojn da belaj objektoj kaj montradis ilin al doktoro Bogus, kiu ĝis tiam neniam promenis. Bogus disvolvis sian manuskripton, sed konfuziĝis en la propra laboro, kie estis nek floroj, nek Ĉessi.

Feliĉe, por helpo al li venis filozofio, kiu pensigis Boguson, ke Ĉessi tute ne taŭgas por io. Li des pli fortike kaptis ĉi tiun penson, ke ĝi estis necesa por tuta konstruo de lia laboro.

Unu fojon li pensis pri tiu ĉi objekto, kiam vidis Ĉessi, kiu enigis fadenon en kudrilon en biblioteko apud sama fenestro, kie staris la kariofilo.

Li demandis ŝin, kion ŝi volas kudri?

Ĉessi respondis:

— Ĉu vi ne konas, onklo Bogus, ke hirundoj forflugis?

Bogus nenion ĉi tion konis: pri tiu objekto parolis nek Plinius, nek Avicenna. Ĉessi daŭrigis:

— Ket diris al mi hieraŭ...

— Ket?—ekkriis Bogus.—Infano, evidente, parolas pri estiminda Klaŭzentino?

— Ket diris al mi hieraŭ: „hirundoj forflugis en ĉi tiu jaro pli frue, ol ordinare, sekve, estos frua kaj kruda vintro". Jen kion diris al mi Ket. Poste mi sonĝis, ke antaŭ mi staris la panjo en blanka vesto kun brilo en harој, sed florojn ŝi ne havis, kiel tiam. Ŝi diris: „Ĉessi, oni bezonas preni el kesto lanan noktan surtuton de onklo Bogus kaj fliki ĝin, se ĝi malflikiĝis". Mi vekiĝis kaj apenaŭ stariĝis, prenis la noktan surtuton el la kesto, kie ĝi vere malflikiĝis, kaj mi ĝin flikos.

Venis la vintro kaj okazis tia, kiel ĝin antaŭdiris hirundoj. Bogus en nokta surtuto, varmigante la piedojn antaŭ fajro, penis aliigi kelkajn ĉapitrojn de sia diskutado. Sed ĉiun fojon, kiam li sukcesis konformi siajn novajn observojn kun la teorio de tutmonda malbono, Ĉessi konfuzis liajn pensojn, aperante kun kruĉo da bona biero aŭ simple rigardante lin kaj ridetante.

Kiam revenis somero, la onklo kaj nevino komencis promenadi, sur kampoj. Ĉessi kolektadis kreskaĵojn, la onklo nomadis al ŝi ilin, kaj ŝi vespere dismetadis ilin konforme kun iliaj ecoj. Dum tiuj ĉi promenadoj Ĉessi ofte montradis sian rektan saĝon kaj belegan animon.

Unu fojon vespere ŝi dismetis surla tablo forŝiritajn dum la tago kreskaĵojn kaj diris al Bogus:

— Nun, onklo Bogus, mi konas laŭ nomoj ĉiujn kreskaĵojn, kiujn vi montris al mi. Jen estas tiuj, kiuj kuracas, kaj tiuj, kiuj konsolas. Mi volas rezervi ilin por ĉiam ilin koni kaj montri ilin al aliaj. Mi bezonus dikan libron por ilin sekigi.

— Jen prenu ĉi tiun,—diris Bogus.

Kaj li montris la unuan volumon de l'diskutado pri „Eraroj de homaro".

Kiam sur ĉiu paĝo okazis po unu kreskaĵo, li prenis pluan volumon, kaj dum tri jaroj la tuta verko de l'scienculo fariĝis florsekejo.

**V. Ogorodnikov.**

## La kareson de vi ricevante...

(Rusa romanco: „Подъ чарующей лаской твоею"...)

La kareson de vi ricevante,
Reviviĝas kun ĝoj' mia kor',
Kaj mi, revojn denove ĝuante,
Vokas amon, suferon kun plor'.

Songon vi per kis' donacu
Kaj mortigu min per ĝi,
Kordolorojn vi kuracu,
Prenu dubojn for de mi.

Memorigu al mi la prudento,
Ke forlasos la amon tuj vi,
Sed en mi tamen restos l'amsento,
Ĉar vi ŝajnas tro bela al mi.

Songon vi per kis' donacu
Kaj mortigu min per ĝi,
Kordolorojn vi kuracu.
Prenu dubojn for de mi.

Mi eltrinki la kruĉon deziras
Je la ĝu' plenigitan de l'sort',
Mi volonte al tio ĉi iras,
Eĉ se devos mi pagi per mort'.

Songon vi per kis' donacu
Kaj mortigu min per ĝi,
Kordolorojn vi kuracu,
Prenu dubojn for de mi.

Tradukis **G. Kolowrat**.



# Esperantista Movado.

**Австрія.** Основались въ Новы Сончъ эспер. группа и въ Бельзѣ эспер. кружокъ. Читаются курсы яз. эсперанто во Львовѣ, Краковѣ, Пржемыслѣ, Броды, Санокъ и др. городахъ. Благодаря энергичной дѣятельности г.г. Юрковскаго, Лопатынскаго и, въ особенности, д-ра Вангъ, эсперанто начало успѣшно распространяться въ гор. Тарнополѣ. Газеты:— „Slowo Polske" „Czas," „Kraj" и Nowoŝĉie Jlistrowane" помѣстили ст. и замѣтки объ эсперанто. Вышелъ № 2 журнала. „Pola Esperantisto".

**Aŭstrujo.** Fondiĝis en Nowy Sacz esp-sta grupo kaj en Belz—esper. rondo. Oni legas kursojn de l-vo esperanto en Lvov, Krakow, Przemysl, Brody, Sanok kaj aliaj urboj. Dank' al energiema agado de s-roj Jarkovski, Lopatynski kaj, aparte, d-ro Vang, esperanto komencis sukcese disvastiĝadi en urbo Tarnopolo. Gazetoj: „Flawo Polske", „Czas", „Kraj" kaj „Nowoŝĉie Ilustrowane" enhavis artik. kaj notojn pri esperanto. Aperis № 2 de jurn. „Pola Esperantisto"

**Англія.** Вышли изъ печати въ Эдинбургѣ „Mia Esperantistino", слова г. W. Page, муз. г. J. Moonie и въ Лондонѣ—„Esperantaj Kantoj". Въ Shrewsbury умеръ изв. эсперантистъ г. E. T. Whitaker.

**Anglujo.** Aperis el presado en Edinburgo „Mia Esperantistino", vortoj de s-ro W. Page, muz. de s-ro J. Moonie kaj en Londono — „Esperantaj Kantoj". En Schrewsbury mortis konata esperantisto s-ro E. T. Whitaker.

**Африка.** Въ испанскихъ городахъ Cartagena и Algeciras формируются эспер. группы.

**Afriko.** En hispanaj urboj Cartagena kaj Algeciras formiĝas esp-staj grupoj.

**Бельгія.** Магистратъ гор. Антверпена ассигновалъ на нужды пропаганды мѣстной эспер. группѣ ежегодную субсидію въ суммѣ 300 франковъ, Благодаря д-ру г. Broeckaert яз. эсперанто принятъ въ программу курсовъ монастырскаго пансіона

**Belgujo.** Magistrato de urbo Antverpeno asignis por bezonoj de propagando al loka grupo esperantista ĉiujaran subtenon en sumo 300 frankoj. Dank' al d-ro s-ro Broeckaert l-vo Esperanto estas akceptita en programon de kursoj de monaĥeja edukejo „Ursulines",

„Ursulines“ въ Londerzeel. Существующія въ Verviers Народный университетъ и О-во языковѣдѣнія объединились на почвѣ эспер. пропаганды въ независимое эспер. о-во, каковое уже и открыло курсы яз. эсперанто. Пресса: — „La Belgique Militaire“, „L'Independance Belge“, „Le Soir“, „La Congo“ и мн. др. помѣстили ст. и замѣтки объ эсперанто. Вышелъ № 2 журн. „La Belga Sonorilo“.

**Бразилія**. Предсѣдателемъ эспер. о-ва въ Порто—Аллегро (7 rue de Septembre. Porto-Alegre, Brésil.) избранъ г. Ch. Kraemer. Въ настоящее время въ этомъ краѣ функціонируютъ слѣд. эспер. о-ва и группы: —„Suda Stelaro“ en Campinas, „Societo Esperanto“ въ Rio Grande do Sul (Porto Alegre), „Brazila Klubo Esperanta“, въ Rio de Janeiro и „Grupo Esperantista“ въ Niteroi. „B. K. E.“ открыло эспер. курсы въ коммерческомъ О-вѣ, въ правит. гимназіи, въ училищѣ Spencer (Niteroi) и въ Pedagogium.

**Гватемала**. Въ древней Гватемалѣ основалось „Antikva Esperantista Grupo“.

**Германія**. По иниціативѣ г. P. Hellriegel (Kasernenstr. 20, Stuttgart, Allemagne) въ Штутгардѣ основалось Internacia Koresponda Societo, имѣющее ежемѣсячно публиковать списки своихъ членовъ-эсперантистовъ съ ихъ адресами для взаимной корресподенціи. Годовой членскій взносъ въ это эспер. о-во опредѣленъ въ суммѣ 1 фр. 25 сант. Вышелъ № 5 иллюстр. журн. „Eĥo Esperantista“ (Berlin SW, 48, Wilhelmstr. 20, Allemagne), редактируемаго исключительно на яз. эсперанто.

**Испанія.** Заинтересовался яз. эсперанто и намѣревается примкнуть къ эспер. движенію бывшіи Министръ Народнаго Просвѣщенія г. J. de La Cierva. Основалась эспер. группа въ Vigo. Открыты г. J. Morena эспер. курсы въ Linea de la Concepcida (Cadiz). Духовные миссіонеры преподаютъ яз. эсперанто въ приходскихъ школахъ въ Alagon (Zaragora). Открылись эспер. консульства въ Murcia, Valencia и въ Aguilas. Газеты: — „La Verdad“, „El Liberal“, „La Voz de Galicia“, „El Eco de Cartagena“ и мн. др. благопріятно отозвались объ эсперанто.

**Россія**. 9 октября въ С.-Петербургѣ, въ 8 аудиторіи Императорскаго Университета

en Londerzeel. Ekzistantaj en Verviers popola universitato kaj Societo poliglota unuiĝis en esper. propagando en sendependan s-ton esp.-stan, kiu jam malfermis kursojn de l-vo esperanto. Gazetaro:—„La Belgique Militaire“, „L'Independance Belge“, „Le Soir“, „La Congo“ kaj multaj aliaj enmetis artik. kaj notojn pri esperanto. Aperis № 2 de ĵurn. „La Belga Sonorilo“.

**Brazilujo**. Prezidanto de s-to esp-sta en Porto-Alegro (7 rue de Septembre, Porto-Alegre, Brésil) estas elektita s-ro Ch. Kraemer. Nuntempe en jena lando funkcias la sekv. esper. s-toj kaj grupoj:—„Suda Stelaro“ en Campinas, „Societo Esperanto“ en Rio Grande do Sul (Porto Alegre), „Brazila Klubo Esperanta“ en Rio de Janeiro kaj „Grupo Esperantista“ en Niteroi. «B. K. E.» malfermis esper. kursojn en la Komerca S-to, en regna gimnazio, en lernejo Spencer (Niteroi) kaj en Pedagogium.

**Gvatemalo**. En antikva Gvatemalo fondiĝis „Antikva Esperantista Grupo“.

**Germanujo**. Laŭ iniciato de s-ro P. Hellriegel (Kasernenstr. 20 Stuttgart, Allemagne) en Stuttgarto fondiĝis Internacia Koresponda Societo, intencanta ĉiumonate publikigi la nomarojn de siaj membroj—esperantistoj kun iliaj adresoj por interkorespondado. Jara membra enporto jenan s-ton estas difinita en sumo 1 fr. 25 c. Aperis № 5 de ilustrita ĵurnalo „Eĥo Esperantista“ (Berlin S. W., 48, Wilhelmstr. 20, Allemagne), redaktata sole en lingvo esperanto.

**Hispanujo.** Ekinteresiĝis pri l-vo Esperanto kaj intencas aliĝi esp-stan movadon eks-ministro de popola klerigado, s-ro J. de La Cierva. Fondiĝis esper. grupo en Vigo. Estas malfermitaj de s-ro J. Morena esper. kursoj en Linea de la Concepcida (Cadiz). Pastroj—misiistoj instruas l-von esperanton en paroĥaj lernejoj en Alagon (Zaragoza). Malfermiĝsi esper. konsulejoj en Murcia, Valencia kaj en Aguilas. Gazetoj: „La Verdad“, „El Liberal“, „La Voz de Galicia“, „El Eco de Cartagena“ kaj multaj aliaj favore recenziis pri esperanto.

**Ruslando**. 9 oktobro en St.-Peterburgo, en 8 aŭskultejo de Imper. Universitato, studento

В. Лойко съ большимъ успѣхомъ былъ прочитанъ обстоятельный рефератъ о проблемѣ международнаго яз. и о движенiи въ пользу реализацiи идеи въ лицѣ языка эсперанто. Среди слушателей—студентовъ, собравшихся въ большомъ количествѣ, былъ возбужденъ живой интересъ къ новому дѣлу, и было положено начало студенческой группы эсперантистовъ, окончательная организацiя которой состоится послѣ предполагаемаго прочтенiя подобныхъ докладовъ объ эсперанто въ другихъ высшихъ учебныхъ заведенiяхъ С.-Петербурга. Устроенная во время этого реферата небольшая выставка эсп-скихъ газетъ и изданiй, а также продажа книгъ, брошюръ и учебниковъ имѣла значительный успѣхъ. Ведущаяся въ настоящее время въ СПБ. Университетѣ пропаганда эсперанто выражается между прочимъ въ вывѣшенiи въ большомъ количествѣ на видныхъ мѣстахъ соотвѣтственныхъ плакатовъ, возванiй, объявленiй и въ публичной продажѣ эсп-скихъ изданiй въ помѣщенiи университета въ особенно оживленные моменты университетской жизни (напр. во время обще-студенческихъ собранiй) и т. п. Такимъ образомъ эсперанто вторично проникъ въ СПБ. университетъ, гдѣ первымъ лекторомъ этого яз. въ 1891 году выступилъ В. В. Майновъ. 25 Октября сего года былъ прочитанъ новый докладъ объ эсперанто студ. г. Калугинымъ въ Политехническомъ Институтѣ. Успѣхъ пропаганды эсперанто среди учащейся молодежи отразился на особенномъ оживленiи еженедѣльныхъ (по средамъ) собранiй О-ва „Эсперо", имѣющаго въ виду при участiи молодыхъ силъ развить болѣе широкую пропаганду въ С.-Петербургѣ. Въ самомъ ближайшемъ времени въ Петебрургѣ открываются практическiе курсы яз. эсперанто. Въ гор. Псковѣ образовалась эспер. группа (г. Яхонтовъ), о подобныхъ жъ группахъ получены сообщенiя изъ г. Острогожска, Воронежской губ. (г. А. Яковлевъ) и изъ Кiева, гдѣ къ движенiю примыкаютъ студенты. Президентъ Россiйской Академiи Наукъ, Великiй Князь Константинъ Константиновичъ, разрѣшилъ переводить его произведенiя на языкѣ Эсперанто г. В. Майнову. Въ № 41 журнала „Нива" появилась замѣтка объ эсперанто, а въ газетѣ „Волж-

s-ro V. Lojko kun granda sukceso legis la detalan referaton pri problemo de lingvo internacia kaj pri movado, celanta realigon de la ideo per la lingvo esperanto. Inter aŭskultantoj-studentoj, kunvenintaj en granda kvanto, ekscitita estis viva intereso al la nova afero, kaj estis metita la komenco de studenta grupo de esperantistoj, kies difinitiva organizacio fariĝos post intencata lego de similaj raportoj pri esperanto en ceteraj supraj lernejoj de St.-Peterburgo. Aranĝita dum tiu ĉi referato malgranda ekspozicio de esp-staj gazetoj kaj eldonoj kaj ankaŭ vendado de libroj, broŝuroj kaj lernolibroj havis signifindan sukceson. La farata nuntempe en St. Peterburga Universitato propagando de esperanto konsistas inter cetera en elpendado, en granda kvanto sur videblaj lokoj, de konformaj-plakatoj, alvokoj, anoncoj kaj en publika vendado de esperantistaj eldonaĵoj en la Universitato dum aparte vivaj momentoj de l'universitata vivo (ekz. dum ĝenerale-studentaj kunvenoj) kaj sim. Tiamaniere esperanto duan fojon eniris St.-Peterburgan Universitaton, kie unua raportanto pri nomita lingvo en 1891 jaro elpaŝis s-ro V. V. Maynov. 25 oktobro (7-XI) estis legita nova raporto pri esperanto de stud. s-ro Kalugin en la St.-Pererburga Politeknika Instituto. La sukceso de l'propagando de esperanto inter lernanta junularo speguliĝis en aparta viviĝo de ĉiusemajnaj (en merkredoj) kunvenoj de l' s-to „Espero", intencanta kun partopreno de junaj fortoj disvolvi pli vastan propagandon en St.-Peterburgo. En plej proksima tempo estos fonditaj en Peterburgo praktikaj kursoj de lingvo esperanto. En la urbo Pskov fondiĝis grupo esperantista (s-ro Jaĥontov), pri tiaj samaj grupoj ricevitaj estas komunikoj el urboj Ostrogojsk de Voronejskoj gub. (s-ro A. Jakovlev) kaj el Kiev, kie al movado aliĝas studentoj. Prezidanto de Ruslanda Akademio de Sciencoj, Granda Princo Konstantin Konstantinoviĉ, permesis traduki lian verkaron en l-von esperanton al s-ro V. de Maynov. En № 41 de ĵurn. „Niva" aperis noto pri esperanto kaj en la gazeto „Volĵskij Kurjer" (Kazan) estis presita artikolo pri la II Kongreso Esperantista. S-to „Espero" elirigis en lingvo rusa kun antaŭparolo de s-ro V. Lojko la broŝuron „Lingvo Internacia Esperanto en Franca Ĉambrego de Deputatoj". Redakcio de ilustrita jurnalo „Malfermita Letero",—eldonata de zorganta Komitato de Komunumo de s-to Eŭge-

скій Курьеръ" (Казань) помѣщена статья о II Конгрессѣ Эсперантистовъ. О-вомъ „Эсперо" выпущена на русскомъ языкѣ съ предисловіемъ Вс. Лойко брошюра: „Международный яз. Эсперанто во Французской Палатѣ Депутатовъ„. Редакція иллюстр. журнала „Открытое письмо" издав. Попечит. Комитетомъ Общины Св. Евгеніи готовитъ по собств. иниціативѣ открытыя письма съ эспер. грамматикою и словаремъ и предложила обмѣнъ журналами, какъ равно и новая ежедневная газета „Юго-Западный Край" (Кіевъ, Михайловская ул. 19), заинтересовавшаяся яз. эсперанто въ лицѣ секретаря редакціи г. Н. Озерова.

**Франція.** Жюри всемірной выставки въ Амьенѣ присудило участвовавшей мѣстн. эспер. группѣ золотую медаль за выставленные въ павильонѣ Нар. Просвѣщенія эспер. литературу, журналы документы, письма и проч., а г-ну Шарле, проф. эспер. курсовъ въ лицеѣ Амьена—почетный отзывъ. Въ Ліонѣ открылось эспер. консульство. Формируется эспер. о-во шахматистовъ (S-to de Esperantistoj—Ŝakludantoj), предсѣдателемъ котораго избранъ аббатъ Эм. Пельтіе, а оффиц. органомъ—редактируемый имъ журн. „Espero Katolika". Лейтенантъ г. Bayol (Saint-Cyr, Esole, France), формируя о-во для распространенія яз. эсперанто въ Красномъ Крестѣ, убѣдительно проситъ г. г. эсперантистовъ-военныхъ, сочувствующихъ этому дѣлу, прислать ему свои адреса. По описанію Женевскаго эспер. конгресса и по спеціальнымъ фотографическимъ снимкамъ особеннаго вниманія заслуживаютъ №№ 2, 3 и 4 эспер. журн. „Tra la Mondo". Новый франц. журн. „La Revue des Nations" съ перваго своего № выразилъ готовность содѣйствовать успѣху эспер. прессы.

Въ одномъ изъ послѣднихъ №№ газеты „La Voix du Peuple", оффиціальннаго органа французской „Confédérantion Cénérale du Travail" (Всеобщей Конфедераціи Труда), напечатано обращеніе Національной Федераціи Синдикатовъ Живописи (за подписью секретаря г. Léon Kobert) къ секретарямъ рабочихъ Федерацій и Синдикатовъ, касающееся распростаненія Эсперанто среди французскаго пролетаріата. Обращеніе указываетъ на слѣдующіе факты изъ исторіи пропаганды Эсперанто среди участниковъ синдикализма: Конгрессъ Синдкатовъ Живо-

niino, lau propra iniciato pretigas nun por eldono la poŝtkartojn kun gramatiko kaj vortaroj esperantaj. Ankaŭ ĝi proponis ĵurnalan interŝanĝon. La saman interŝanĝon proponis nova ĉiutaga gazeto „Jugo-Zapadnij Kraj"—(Kiev, Miĥajlovskaja, 19), ekinteresiĝinta pri lingvo esperanto en la persono de redakcia sekretario s-ro Ozerov.

**Francujo.** Juĝantaro de tutmonda ekspozicio en Amiens aljuĝis al partoprenanta loka esper. grupo la oran medalon pro elmontritaj en paviliono de Popola Klerigado esper. literaturo, ĵurnaloj, dokumentoj, leteroj kaj cet. kaj al s-ro Ŝarle, profesoro de esper. kursoj en Amiena liceo — la honoran ateston. En Lyon malfermiĝis esper. konsulejo. Formiĝas S-to de Esperantistoj-Ŝakludantoj, kies prezidanto elektita estas abato Em. Peltier kaj oficiala ĝia organo,—redaktata de li ĵurn. „Espero Katolika". Leŭtenanto s-ro Bayol (Saint-Cyr, Ecole, France), formante s-ton por disvastigado de esperanto en Ruĝa Kruco, konvinkeme petas s-rojn esperantistojn-militanojn, kunsentantajn al jena afero, sendi al li siajn adresojn. Laŭ priskribo de Ĝeneva esp-sta Kongreso kaj specialaj fotografaĵoj la apartan atenton meritas la №№ 2, 3 kaj 4 de esper. ĵurn. „Tra la Mondo". Nova franca ĵurnalo „La Revue des Nations" de la unua sia № esprimis pretecon kunhelpadi al sukceso de esp. gazetaro.

En unu el lastaj №№ de l'gazeto „La Voix du Peuple", oficiala organo de la franca „Confédération Générale du Travail" (Ĝenerala konfederacio de Laboro), estas presita letero de l'Nacia Federacio de la Sindikatoj de Pentro (kun subskribo de l'sekretario s-ro Léon Robert) al la sekretarioj de Federacioj kaj Sindikatoj laboristaj, koncernanta la disvastigadon de Esperanto inter la franca proletariaro. La letero montras sekvantajn faktojn el la historio de propagando de Esperanto inter la partoprenantoj en la sindikalismo: la Kongreso de l'Sindikatoj de Pentro en Gre-

писи въ Гренобль въ 1904 г. рѣшилъ организовать курсъ языка Эсперанто, и рѣшеніе это было подтверждено на Конгрессѣ въ Сэнъ-Кантенъ (Saint Quentin) въ апрѣлѣ 1906 г. Наконецъ, только что закончившійся въ Амьенѣ Конфедеральный Конгрессъ Синдикатовъ принялъ глубоко мотивированную резолюцію, которою приглашаетъ секретарей Національныхъ Федерацій, Биржъ Труда, рабочихъ Синдикатовъ и самыя организаціи „развить самую активную пропаганду въ пользу изученія, употребленія и распространенія Эсперанто и образовать для этого—вездѣ, гдѣ будетъ возможно,—вечерніе курсы для всѣхъ рабочихъ". Объявляя о расширеніи существующихъ уже два года при Федераціи Синдикатовъ Живописи курсовъ Эсперанто, секретарь г. L. Kobert приглашаетъ всѣхъ товарищей по синдикальной дѣятельности на открытіе курса 1906—1907 г. въ залѣ Конференцій Биржи Труда въ Парижѣ, 3, rue du Château-d'Eau (9 ноября, 8 ½ час. веч.)

**Швейцарія.** Въ Lausanne (A. Thonney, 10 route du Tunnel) открылся эспер. книжный магазинъ „Esperanto—Librejo".

**Шотландія.** Въ Stirling, гдѣ вскорѣ откроется эспер. группа, состоялся въ County Hotel первый небольшой конгрессъ шотландскихъ эсперантистовъ, на которомъ присутствовали какъ члены группъ Глазгова и Эдинбурга, такъ и др. мѣстные изолированные эсперантисты и, даже, иностранцы. Замѣчательную рѣчь объ эсперанто произесъ въ Эдинбургѣ г. G. Buchanan. Энергично пропагандируетъ яз. эсперанто главн. редакторъ газ. „Stirlng Sentinel", г. W. Cook.

**Е. Радванъ-Рыпинскій.**

noble en 1904 j. decidis organizi kurson de la lingvo Esperanto, kaj tiu ĉi decido estis renovigita en la Kongreso en Saint-Quentin en aprilo 1906 j. Fine, la ĵus finiĝitnta en Amiens Konfederala Kongreso de l'Sindikatoj akceptis profunde motivitan rezolucion, per kiu ĝi invitas la sekretariojn de Naciaj Federacioj, de Borsoj de l'Laboro, de laboristaj Sindikatoj kaj la mem organizaciojn „fari la plej aktivan propagandon por la lerno, la praktiko kaj la etendiĝo de Esperanto kaj krei por tio ĉi—ĉie, kie ĝi estos ebla,—vesperajn kursojn por ĉiuj laboristoj". Anoncante pri la plivastiĝo de l'ekzistantaj jam du jarojn ĉe la Federacio de l'Sindikatoj de Pentro kursoj de Esperanto, la sekretario s-ro L. Kobert invitas ĉiujn kamaradojn en la sindikala agado al la malfermo de l'kurso de 1906—1907 j. en la salono de l'Konferencoj de la Borso de l'Laboro en Parizo, 3, rue du Château—d'Eau (9 novembro, 8½ hor vesp.).

**Svisujo.** En Lausanne (A. Thonney 10, route du Tunnel) malfermiĝis „Esperanto-Librejo".

**Skotlando.** En Stirling, kie baldaŭ fondiĝos esper. grupo, efektiviĝis en County Hotel la unua malgranda kongreso de skotlandaj esperantistoj, en kiu ĉeestis, kiel membroj de grupoj de Glasgow kaj Edinbourgh, tiel same kaj aliaj lokaj izoliiaj esperantistoj kaj, eĉ, alilanduloj. Rimarkindan paroladon pri esperanto diris en Edinburgo s-ro G. Buchanan. Energieme propagandas l-von esperanton ĉefredaktoro de gaz. „Stirling Sentinel", s-ro W. Cook.

**E. Radvan Ripinski.**

# Pri stato de la rusa popolo.

**De L. Buĥ.**

Post la forigo de l'tatara premado la rusa popolo ne ricevis liberecon. Moskvaj princoj, kiun ĝi havis dum maldolĉaj tempoj de l'regado de tataraj ĥanoj. Ili kreis la malhonoran servutan rajton.

Kelkajn fojojn la popolo penadis disŝiri la ĉeojn de sklaveco, apogante sin sole sur fariĝinte aŭtokrataj regantoj, kontraŭe, forprenis de ĝi eĉ tiun malgrandan parton de libereco, siajn proprajn fortojn. Sed la aŭtokratio, havante en siaj manoj regnan kason kaj teruran armeon, facile venkadis popolajn movadojn, aparte tial, ke en la periodo de popolaj ribeloj, ekzemple, dum la ribelo de Pugaĉov,

ankoraŭ ne ekzistis inteligentularo, batalanta kune kun popolo.

Post la definitiva humiligo de „ribelantaj vilaĝanoj" la sklaveco ricevis ankoraŭ pli cinikan formon. La imperiestrino Katerino II, sen ia ĝeno, donacadis terojn kaj vilaĝanojn al siaj favoritoj...

La elturmentita popolo, perdinte kredon al siaj fortoj, ĝemis, sed, jam ne kontraŭbatalante, daŭrigadis esti la submetito de l'aŭtokratio. Li kreis „kanton, similan al ĝemo" kaj kvazaŭ „por ĉiam ekdormis".

Sed, samtempe, en supraj tavoloj de l'societo, sub influo de ideoj, penetrintaj al ni el la okcidenta Eŭropo, precipe el Francujo, kie la popolo forĵetis de si sklavecon per la revolucio,—naskiĝadis la inteligentularo, kiu metis kiel sian celon—liberigon de l'popolo de la servuta dependeco kaj rekonstruon de la regno sur nova, demokratia fundamento. Aperis sekretaj societoj, revintaj pri reala efektivigo de tiuj ĉi vastaj planoj. Sed ankaŭ la inteligentularo, ne havante kunligecon kun la popolo, unu povis nenion fari en la difinita direkto. Pli energiemaj homoj kredis atingi la celon per konspiro; el ili la plej pripensita kaj serioza estas la konspiro de l'„dekabristoj" (14 decembro 1825 j.). La dekabristoj pereis, ne efektiviginte sian planon. Sed iliaj nomoj, kiel la nomoj de herooj, estas skribitaj per oraj literoj sur tabuloj de l'rusa historio.

Indiferenta rilatado de l'popolo al revoluciaj movadoj en internoj de inteligentularo tute ne estis pruvo, ke ĝi estis kontenta pro sia sklava stato. Ne, en ĝi ankaŭ tiam estis sufiĉe da kolera malamo kontraŭ siaj premantoj. Sed maldolĉa sperto instruis ĝin rilati senkonfide al paroloj kaj agoj de personoj, kiuj staris pli alte ol ĝi pro sia stato kaj klereco. En vicoj de „sinjoroj", ĝiaj eternaj malamikoj, al ĝi ŝajnis neebla kaj kontraŭnatura la ekzistado de sinceraj amikoj de l'popolo.

Tamen, famo pri strangaj kaj nekompreneblaj sinjoroj, herooj pereintaj en batalado kontraŭ la registaro por liberigo de vilaĝanoj de l'servuta dependeco, iom post iom penetradis en la vastan popolan mason kaj revoluciigadis ĝian humoron.

La malhonora sevastopola milito definitive subhakis la aŭtoritatecon de l'registaro antaŭ rigardoj de l'popolo. La fabelo pri tio, ke la servuta rajto estas necesa por grandaj regnaj celoj,—fariĝis malamegata kaj mensoga elpensaĵo de arogantiĝintaj bienhavantoj kaj sinvendemaj oficistoj. La popolo persiste postulis forigon de l'servuta rajto. Leviĝadis ankaŭ la plej bona parto de l'rusa inteligentularo, preta por aliĝi al popola ribeliĝo.

Tamen, en tiu ĉi fojo la registaro komprenis sian danĝeran staton kaj ĝustatempe cedis. Ĝi proklamis, ke la servuta rajto estos forigita, kaj per tio ĉi ĝi por longa tempo haltigis la marŝadon de la rusa revolucio.

La demando pri liberigo de vilaĝanoj, fortike kunligita kun alia ne malpli grava demando pri reformigo de la regno sur nova fundamento, elglitinte el manoj de l'popolo kaj transirinte en la sferon de la mem registaro, tuj perdis sian veran signifon kaj majestecon. Ĝin oni trempis en profundejon de „kancelariaj aferoj", lavitaj per malviva akvo de bjurokratiaj konsideroj kaj artifikaĵoj, kaj tie grandiozaj historiaj problemoj de la liberiga movado estis alkondukitaj preskaŭ sole al demando pri forigo de l'rajto de privataj personoj posedi kaj vendi vilaĝanojn, kiel bestojn. Tio ĉi estas komprenebla. La registaro en tiu ĉi okazo klopodis ne pri tio, kion volis la popolo—akiron de rajtoj de libera regnano kaj liberiĝon de l'ekonomia sklaveco sub potenco de regno kaj bienhavantoj, sed pri „sia propra afero", kies esenco estis en humiligo de l'naskiĝanta revolucio per „kelkaj" cedoj al popolaj postuloj, sen kiaj neniel oni povis konservi la bjurokratian potencon por pli— malpli longedaŭra tempo.

Devigita tiel detrui la rajton de bienhavanto je posedo de vilaĝanoj, kiel je privata propraĵo, la registaro, dum ellaborado de la leĝo pri forigo de l'servuta rajto, ĉiel penadis konservi por bienhavantoj „eblon" kulturigadi iliajn terojn kun helpo de „siaj estintaj vilaĝanoj." Kelkaj proponadis, tial, liberigi vilaĝanojn sen tero. Tiu ĉi ideo estis forlasita nur tial, ke multaj komprenis kiel estus „danĝere" en la revolucia tempo senigi la vilaĝanojn de tero, kiun ili posedis jam tre delonge, konfesante ĝin sia propraĵo. La vilaĝanoj iafoje faris ankoraŭ pli vastajn postulojn, dirante „la tero estas Dia, nenies". Fine, la prudento devigis konfesi la necesecon de la liberigo de l'vilaĝanoj kun tero, sed, al profito de bienhavantoj, tiu ĉi tero estis malmultigita kiom nur estis eble kaj estis fonditaj apartaj pagoj, kiujn devis fari la vilaĝanoj por „elven-

di" sian teron. Fine, anstataŭ politika kaj civila libereco estis forĝitaj por la popolo fortikaj „policaj katenoj", kaj por ke la vilaĝanoj ne forgesadu, ke ili ankaŭ post la detruo de l'rajto servuta ne estas homoj, egalaj al aliaj, precipe al nobelaro, por ili estis konservitaj „korpaj punoj" de vergoj ĝis vipoj.

Nome tia estis „la libereco", proklamita 19 februaron 1861 j.

Vivo de l'rusa popolo ree fariĝis mizera vegetado, sen iaj esperoj pri pli bona estonteco. Impostoj kreskis kun ĉiu jaro, falante sur laborantajn klasojn de la loĝantaro. La regna budĝeto dum 45 jaroj, de 1861 j. ĝis 1906 j., ĉiam kreskante, pligrandiĝis de 400 milionoj rubl. ĝis 2.500 milionoj rubl. (2½ miliardoj) en la nuna jaro. Per popola mono la registaro faris ĉian eblan protektadon al bienhavantoj, industriistoj kaj komercistoj, pligrandigadis nombron kaj salajron de oficistoj, konstruadis fervojojn, necesajn por disvolviĝado de l'komerco kaj industrio, tenis grandegan armeon dum paca tempo, konstruadis fortikaĵojn kaj malliberejojn, unuvorte—ĝi sin okupadis je plej diversaj aferoj, esceptinte tiujn, kiuj estis necesaj por plibonigo de l'stato de l'popolo, de la laborantaj klasoj de la loĝantaro: de ilia ekonomia, spirita, civila kaj politika stato. Ne sole nenio estis farata en tiu ĉi rilato, sed eĉ la propagando de la ideo pri graveco kaj neceseco de zorgoj pri tiuj ĉi maturiĝintaj bezonoj de l'popolo estis persekutata kiel kontraŭregistara agado. Fortikaĵoj, malliberejoj, Siberio, Saĥalino kaj ĉiuj malproksimaj partoj de la lando estis plenaj de „batalantoj por popola afero"...

Sed malgraŭ ekstreme malfacila stato de l'popolo la aferon de ĝia liberiĝado el katenoj de l'bjurokratia arbitro kaj perforto oni ne povas jam nomi senespera, kiel antaŭe. La inteligentularo malgraŭ persekutado kaj sennombraj oferoj obstine iris al la difinita celo. Ĝi bonege uzis la penadojn de l'registaro disvolvi ĉe ni industrion, dank' al kiuj en urboj formiĝis forta armeo de fabrikaj laboristoj. La inteligentularo aranĝis fortikajn ligojn kun tiu ĉi proletariaro kaj, samtempe, penetris en la vilaĝan loĝantaron, laborante tie kiel popolaj instruktoj, kuracistoj, agronomoj, statistikistoj k. cet. La inteligentularo kaj la popolo paŝo post paŝo unuiĝis en unu ligon, fortikigitan per la komuna ideo de liberiga movado.

Eraras, kompreneble, tiuj, kiuj opinias, ke la nuna revolucio estas „aranĝita" de l'inteligentularo. Ĝi estas kreita ne de l'inteligentularo, sed de l'ĝenerala stato, en kiu sin trovas Ruslando. La popolo mortas pro malsato en sekvo de la malmuteco de sia tero kaj en sekvo de altaj impostoj. La vilaĝana tero ne povas plu nutradi la popolon, ĉar nia loĝantaro duobliĝis; ne povas doni laboron al ĝi ankaŭ nia mizera industrio, apenaŭ donanta panon al tri milionoj da laboristoj (la tuta loĝantaro de Ruslando estas nun ĉirkaŭ 140 milionoj), aŭ preskaŭ tute ne ekzistantaj grandaj terkulturaj mastraĵoj, kiuj povus dungadi vilaĝanojn-laboristojn. Sola l a b o r a  v i l a ĝ a n a  m a s t r a ĵ o, fortike starigita, povas savi la popolon de pereo. Tio ĉi do estas ebla nur kun kondiĉo de transiro de l'tuta tero en uzadon de l'popolo: de la tero regna, reĝa, monaĥeja kaj apartenanta al privataj posedantoj, kiel postulas la vilaĝanoj. Tiuj ĉi postuloj kune kun la postulo de politika libereco kaj de transdono de regna leĝdonanta potenco al reprezentantoj de l'popolo, estas rezultato de konscio, ke la aŭtokratio, fondita sur la bjurokratia mekanismo, estas kaŭzo de l'eterna malsateco kaj senrajteco de la popolo. La vilaĝanaro estas, en tiu ĉi rilato, solidara kun ceteraj laborantaj klasoj de l'popolo kaj kun aliĝantaj al ili inteligentaj laborantoj. Tiuj ĉi lastaj, ne estante „kreintoj" de l'nuna revolucio, nur helpas kiel ili povas al nia popolo por efektivigado de ĝiaj grandaj idealoj. Ili apartenas en la sankta akto de la mem popolo, kunfandiĝinte kun ĝi en unu komunan ligon, fortike lutitan, kaj tiel ili fariĝis kune nevenkebla forto...

# PRI RIPO.

Ĉu legis vi Midraŝon, tiun ĉi libron de l'talmudistoj-komentaristoj de la Biblio? Kredeble – ne.

Ni tiel ofte nin apogas sur la Biblion, sed en efektivo ni preskaŭ ne legas ĝin. Ankoraŭ malpli ni scias pri la talmudo, kaj pri la Midraŝo.

Ĝi estas trezorejo de l'antikve-hebrea saĝeco, kaj ĉefe de poezio.

Aŭskultu, kion la Midraŝo diras pri la kreo de Evo:

„Kaj Dio kreis Evon el ripo de Adamo:

Ne el kapo lia, ke ŝi ne ribeliĝu kaj ne regu.

Ne el okuloj liaj, ke ŝia rigardo ne estu malica kaj deloganta.

Ne el orelo lia, ke ŝi ne estu scivola.

Ne el buŝo lia, ke ŝi ne estu babilema.

Ne el koro lia, ke ŝi ne estu enviema kaj ĵaluzema.

Ne el manoj liaj, ke ŝi ne estu pli forta ol li.

Ne el piedoj liaj, ke ŝi ne estu flirtanima, aŭ senokupe vaganta.

Li kreis ŝin el ripo, plej modesta kaj nevidata parto de homa korpo, por ke virino estu modesta kaj ĉasta".

Tiel diras la Midraŝo...

Tio ĉi estas la saĝeco de l'plej saĝegaj saĝuloj de la plej saĝega popolo.

Kaj se niaj virinoj kaj virgulinoj potencas superni, se ili estas malicaj, allogantaj, scivolaj, babilemaj, enviemaj, ĵaluzemaj, emancipigitaj, flirtanimaj, malseriozaj kaj malplej modestaj kaj ĉastaj,—tio ĉi estas sole tial, ke ili ne legis la Midraŝon.

Legadu, virinoj, la Midraŝon, tiun ĉi libron de saĝeco de l'saĝeguloj de la plej saĝa popolo.

Sangedrino rakontas tian interparoladon inter la filino de l'granda rabeno Hamlielo kaj idolisto-grandsinjoro.

La grandsinjoro ekkriis:

— Via Dio estas ŝtelisto, tial, ke Li sendis sur Adamon profundan dormon kaj dum la dormo forrabis de li la ripon.

— Sinjoro, permesu al mi antaŭ respondo proponi al vi mem unu demandon. La pasintan nokton al mi en la ĉambron penetris ŝtelisto kaj ŝtelis arĝentan pokalon kaj anstataŭ ĝi restigis oran pokalon.

— Kia bela ŝtelisto! Mi dezirus, ke ĉiuj ŝtelistoj estu similaj al li!—ekkriis kun rideto la grandsinjoro.

— Ja vi, sinjoro, ne nomos lin ŝtelisto...

— Jes, tio ĉi ne estas ŝtelisto...

— Nu tiel same ankaŭ nia Dio ne estas ŝtelisto. Li forrabis de Adamo la ripon, sed astataŭ ĝi restigis la edzinon — amikinon devivo!

La grandsinjoro konfuziĝis, sed tamen persistis en sia opinio:

— Por kia do celo Dio bezonis dormigi Adamon? Ja Li povus tion saman fari ĉe maldormanta.

Nenion respondis la saĝega filino de Hamlielo.

Ŝi prenis pecon de kruda viando, kuŝigis ĝin sur karbojn, kaj kiam la viando rostiĝis alportis ĝin:

— Manĝu, sinjoro!

Kun sento de abomeno sin deturnis tiu:

— Mi ne povas manĝi tiun ĉi viandon, ĉar mi vidis ĝin kruda kaj vidis ĝian preparadon.

— Nu jen, ankaŭ Adamo sin deturnus de Evo, se li vidus ŝin kruda kaj vidus la manieron de ŝia preparo el lia ripo.

Tiel diras la Midraŝo.

Tiel parolis la saĝuloj de l'plej saĝa popolo.

Legadu, ho virinoj, la Midraŝon, legadu, ho virgulinoj, Sangedrinon por esti saĝegaj, kiel la filino de la rabeno Simsono-ben-Hamlielo.

Kaj ne vidu viaj edzoj vin krudajn!

Esperantigis **V—d. L—o.**



# Al Ĝeneva kongreso de esperantistoj.

Antaŭ tri jaroj mi ricevis de mia malnova universitata kolego leteron, skribitan en nekonata de mi lingvo. Al la letero estis aldonita sur aparta folieto vortareto. Uzante tiun-ĉi vortareton, mi tuj komprenis enhavon de la tuta letero. Ĝi okazis skribita en lingvo „Esperanto“. Tia facileco de la lingvo min ekstreme ekinteresis kaj mi komencis ĝin lerni. Laboradis mi sole unu, ĉar tuta malgranda urbo, en kiu mi loĝas, konsistis, krom nemultaj esceptoj, el skeptikuloj, preferintaj sin okupi per la pli profiteblaj aferoj. Preskaŭ sola subteno en mia laborado estis multenombraj esperantistaj ĵurnaloj, kiujn mi ricevadis de la tuta terglobo. Ĉiuj tiuj ĉi ĵurnaloj unuvoĉe certigis, ke artefarita internacia lingvo estas tute ebla. Koncerne literaturan flankon de la afero mi kun ĉiu tago konvinkiĝadis pri tio pli kaj pli. Komencita de mi en esperanto korespondado kun homoj de diversaj nacioj kaj dialektoj klare montradis, ke dank' al „Esperanto“ mi ĉiujn komprenas kaj ĉiuj min komprenas. Sed skribformaj rilatoj kaj buŝaj rilatoj estas du malsamaj aferoj. La skribiton en aliaj lingvoj mi ankoraŭ povas kompreni, sed kiam okazas komenci buŝajn interparoladojn, mi fariĝas preskaŭ surdemuta. Tio ĉi donis al mi pretekston supozi, ke tio sama okazos kaj kun Esperanto. Mi eĉ ĉesis kredi, ke povas ekzisti homoj, kiuj povus libere paroli en ĉi-tiu lingvo. Sed jen efektiviĝis la unua Esperantista Kongreso en Boulogne. Ĉiuj ricevataj de mi gazetoj sonas rave pri tiu grandega sukceso, kiun havis ĉi-tiu Kongreso; ĉiuj gazetoj alportas frapantan por mi sciigon, ke partoprenantoj de la Kongreso, alvenintaj en Boulogne el ĉiuj partoj de la terglobo, en daŭro de kelkaj tagoj prezentis fratan familion, havantan kiel sian patron—la rusan Doktoron Zamenhof, kiu instruis ĉiujn membrojn de sia idea familio paroli en unu lingvo—Esperanto. Sed kiom ajn atestaj montraj estus kredindaj, tamen homo ĉiam preferas havi siajn proprajn impresojn. Ĉiujn gazetajn sciigojn mi decidis revidi per persona sperto en la proksima svisa kongreso, difinita $^{15}/_{28}$-an de Aŭgusto en Ĝenevo. En julio mi komencas klopodi pri eksterlanda pasporto. Sed en ĉi-tiu tempo antaŭ mi okazas neatendita baro. En julio estis disigita la rusa Regna Dumo kaj en politika atmosfero de la rusa vivo komencis densiĝi la fulmotondraj nubegoj. Ekaperas ĉiuflanka timo pri feliĉa eliro el tia riska entrepreno de rusaj aŭtokratuloj kaj ĉiutage estas atendataj strikoj de fervojoj. Elveturi el centro de Rusujo, pro kelkajn tagojn aŭ eĉ semajnojn pasigi por strikoj en ia fervoja stacio—tio ĉi estas perspektivo, al neniu dezirebla. Mi komencas ŝanceliĝi pri efektivigo de mia intenco. Sed jen en fino de julio mi ricevas la eksterlandan pasporton, kaj forgesas pri ĉiuj miaj ŝanceliĝoj. Mia vojo kuŝis en Rusujo tra Moskvo, Bresto, Varsovio. Mian vojaĝon mi interrompas por kelkaj tagoj en Moskvo, kaj ĉi-tie mi min provizas en la „Societo de vagonoj—litoj“ per fervoja alilanda rondbileto. La vojaĝon mi elektas tra Aleksandrovo, Berlin, Frankfurto-sur-Majno, Bazelo, Ĝenevo, Parizo, Lozano, Milano, Veniso, Vieno, Granico. Por traveturo tra ĉi-tiuj urboj mi pagas 70 rublojn. Matene $^{3}/_{16}$ de aŭgusto mi alveturas Varsovion kaj haltas ĉi-tie kun intenco fari la viziton al nia Majstro, Doktoro Zamenhof. Mi ekiras kun ĉi-tia celo tra la urbo, sed je pli malproksime mi iras, des pli komencas dubi, ĉu mi estas efektive en Varsovio... Senĉesaj piedirantaj kaj rajdantaj patroloj, kun pretaj pafiloj, minacaj avertkrioj de gardstarantaj: „ne alvenu proksime“, oftaj renkontoj kun arestitoj, ĉio tio ĉi aldonis al Varsovio pli la vidon de milita tendaro, ol de unu el urboj de paca regno. Ĉiuj loĝantoj, aparte de la hebrea loĝantaro, havas timeman, nerve streĉitan vidon, kvazaŭ ili ĉiuj estas en senĉesa atendado de io tiel terura, kio povas okazi kun ili ĉiuminute... La strato Dzika, kie havas la loĝejon nia Majstro, troviĝas en malcentrajo de la urbo. Mi eniras en ĝin kaj demandas unuan renkontiton, duan, trian, kie loĝas Doktoro Zamenhof, aŭtoro de la lingvo Esperanto, sed montriĝas, ke neniu scias; fine en modesta domo № 9 mi vidas la modestan surskribon: „Doktoro Zamenhof“. Mi alvenas al pordo, sonoras; neniu eliras; mi serĉas la kortiston kaj informiĝas: montriĝas, ke la Doktoro jam antaŭ kelkaj semajnoj elveturis en alilandon. Kun malĝojo pro malsukceso kaj kun malagrabla sento pro tia malvarma rilato,

per kiu oni rekompencas en nia patrujo grandajn homojn,*) mi reiras en centron de la urbo. Ne dezirante ekrenkontiĝi kun bajoneto, kuglo aŭ bombo, mi tiun saman vesperon sidiĝas en vagonaron kaj veturas al germana landlimo.

4 17 - an de aŭgusto, feliĉe fininte kun rusa pasporta trenadaĵo, mi traveturas la germanan limon. Pro nescio de germana lingvo mi fariĝas inter estantaj en vagono germanoj kvazaŭ surdemuta. Mi komencas senti ian timeton kaj per propra sperto suferas tiun teruran staton, kiun devas senti tutan vivon la surdemutuloj. Sed en lasta okazo estas kulpa la naturo, batali kun kiu entute estas por homo malfacile. Se do en tia stato okazas, en sekvo de sia interteco, prudenta ekzistaĵo, posedanta tutajn rimedojn por ŝanĝi sian staton, tiam fariĝas ĉagrene kaj ofende . . . Ne dezirante longtempe resti en tia stato, mi rapide traveturas Berlinon kaj haltas en Frankfurto sur M., kie la lingvo Esperanto, kiel mi sciis el esperantaj gazetoj, trovis al si la plej varman rifuĝejon. Unua mia zorgo ĉi-tie estis trovi konatan de mi laŭ esperantistaj ĵurnaloj membron de ĉi-tiea esperantista societo sinjoron Feyerabend. Mi elskribas el la jarlibro esperantista lian adreson kaj iras lin serĉi. Mi devas konfesi, ke alvenante al celo de mia serĉado, mi ree suferis tiujn sentojn, kiujn mi iam havis en lernejoj, irante por ekzameno. Ĝis tiu ĉi momento, kiel mi supre diris, mi ellernadis Esperanton nur en mia kabineto. Aŭdi do vivan interparoladon al mi neniam okazis. Ĉu oni min komprenos, kaj ĉu mem komprenos la aliajn—jen estas la demandoj, kiuj min en tiu ĉi momento ekscitadis. Sed jen eliras serĉata de mi sinjoro. Mi min prezentas kaj malrapide klarigas al li Esperante la celon de mia vizito, klarigas staton de mia lingvoscienco kaj petas lin kunparoladi plej malrapide; mi vidas, ke li min komprenas kaj donas la respondojn, kiuj estas tute konformaj al miaj demandoj; tio ĉi min kuraĝigas kaj ni fariĝas interparolemoj. Sed jen sinjoro Feyerabend esprimas la bedaŭron, ke li en ĉi-tiu momento troviĝas ĉe plenumado de siaj servoficoj kaj ne havas la eblon pli longan tempon kunparoladi kun homo, posedanta unl komunan kun li lingvon-Esperanto. Ĉe tio u konsilis, ke mi venu al vicprezidanto de ĉi-tiea esperanta societo s-ro Barthel, kiu en tiu sama vespero devis doni la praktikan lecionon de Esperanto al siaj samsocietanoj. Mi trovas lian loĝejon kaj ricevas ĉi-tie la plej bonkoran akcepton. Baldaŭ alvenas ĉi-tien la dua alilandulo, konata franca profesoro-esperantisto Deligny, aŭtoro de esperante-franca gramatiko kaj inter ni tuj ligiĝas la plej varmaj, potencaj rilatoj. Ĉiuj ni nin sentis en ĉi-tiu momento plej sincere fratoj, membroj de unu idea familio. En interparolado tuj montriĝis, ke ni jam antaŭe iom estis konataj unu al la alia. Al miaj kunparolantoj okazis legi mian artikolon „La elementoj de kunfratiĝo de popoloj“ presitan esperante en „Ruslanda Esperantisto“ kaj tradukitan en lingvo germana de profesoro Christaller. En loĝejo de s-ro Barthel ni rekte ekiris al esperanta leciono, estonta vespere en unu el Frankfurtaj Kafejoj. Al la leciono kunvenis plej ol 20 homoj de diversaj rangoj, aĝoj kaj seksoj; instruadon faris la membroj de la societo sinjoroj Barthel, Seidel kaj Kühler; la apartan vivecon en la lecionon enportis konstante gaja s-ro Seidel, kiu per siaj ŝercoj kaj spritaĵoj multe subdolĉigis „maldolĉan radikon de lernado“. Dank' al tio ĉi la duhora leciono pasis nerimarkeble: ĉi-tie utilo estis kunmiksita kun agrablo. Kiu do aparte sin sentis agrable—tio estis mi: ĉar unue al mi sufiĉe jam tedis mia surdemuta stato en antaŭaj tagoj, due do, mi ĉi-tie unuan fojon vidis la efektiviĝon de la ideo, kiu min okupadis tiel longe ĝis nun. En daŭro de tiu vespero al mi multefoje venis en la memoron la Arĥimeda „εὕρηκα“ per kiu li elmontris sian ĝojegan humoron en sekvo de farita de li eltrovo de leĝo pri speciala pezo. Tiun saman humoron mi sentis kaj sekvantan tagon, kiam mi kune kun la plej delikata kaj aminda profesoro Deligny iris rigardi la rimarkindaĵojn de la Frankfurto. Kun sinjoro Deligny mi pasigis preskaŭ la tutan tagon, kaj la tutan tagon ni kunparoladis en unu lingvo-Esperanto. Tiu ĉi tago estis por mi grandega praktika leciono en Esperanto kaj post ĝi mi elveturis la sekvantan tagon el Frankfurto al la Ĝeneva Kongreso kun jam trankvila konscio, ke mia partoprenado en la kongreso ne havos sole „fizikan“ karakteron.

(Daŭrigo venos).

**A. Saĥarov.**

*) Poste al mi oni rakontis, ke la ordeno de Honoro Legio, aljuĝita al Doktoro Zamenhof de Francujo estis enmanigita al li, pro malklereco de la administracio, per malaltranga policano.

# Bibliografio.

**F. de Ménil.** **„L'Héritage Klodarec".** Comédie en un acte. 1906, Paris, Hachette et C-ie, pp. 32, prix 0.75 fr. (-30 kopek.).

28 aprilo 1906 unuan fojon estis reprezentita en franca lingvo en la Centra Esperantista Oficejo (en Parizo) la malgranda komedio de nia kelego laŭ la ideo s-ro F. de Ménil, elirinta ĵus en presa vido. En kontoro de unu provinca franca notario okazas vico de spritaj scenetoj inter kontoristo—esperantisto kaj lia patrono,—flama „esperantofobo",—filino de tiu ĉi lasta, amatino de nia esp-isto, ĵaluzanta lin al.., m-lle Esperanto k. t. p. Sed tragedie—komedia situacio, en kiu okazas la notario, havanta aferon kun hispano kaj germanino, ricevontaj „La Horedaĵon de Klodarek'" kaj ne sciantaj eĉ unu vorton francan, devigas la patronon sin turni al helpo de Esperanto per sia malfavorata kontoristo, kaj en fina rezultato, ĉio finiĝas per plena triumfo, venko de Esperanto kaj per du edziĝoj. Kredeble, sur scenejo tiu ĉi „esperanta" vodevilo donas al rigardantoj grandan plezuron, kaj al propagando de Esperanto—bonegan ilon. Se „L' Héritage Klodarec" estus tradukita en rusan lingvon kaj eĉ aranĝita sur scenejo, ni povus nomi tion ĉi tre feliĉa entrepreno.

St.

**L.—L. Zamenhof.** I) **„Fundamento de Esperanto"**, gramatiko, ekzercaro, universala vortaro, pp. XI+26+55+96; kosto 2 fr. (80 kop.). II) **«Universala Vortaro** de la lingvo internacia Esparanto», pp. 96; kosto1 fr. (40 kop.). III) **„Ekzercaro** de la l. i. Esperanto", pp. 55; kosto 75 cent. (30 kop.).—1906, Paris Hachette, et C-ie.

Ni jam havis okazon doni raporton (v. № 5 de „R. E." 1905) pri la unua el tiuj ĉi 3 eldonoj de l'pariza firmo. La „Fundamento de Esperanto", kiu estas la plej ĝenerala verko, „gvida dokumento" de Esperantismo kaj enhavas la tutan „leĝaron" de nia lingvo, kompreneble, meritas esti tre disvastigata kaj ellernata, kaj ni kun plezuro vidas tiun ĉi novan 2-an eldonon de la libro. Ekstera vido de l'eldonaĵo estas bonega, laŭ ordinaro de l'firmo de Hachette et C-ie. Tion ĉi oni povas diri ankaŭ pri du ceteraj libretoj: „Univ. Vortaro" kaj „Ekzercaro", eldonitaj aparte.

**Esperantisto № 10.072. „Verba amuzajo".** 1906, Valencia (Hispanujo), eld. de Pubul y Morales, p.p. 8, kosto (?).

Sur tiuj ĉi paĝetoj estas presitaj en maniero de amuza paroladeto ĉiuj eblaj formoj de l'verbo **aml.** La „libreto" donas materialon por 3-minuta legado., antaŭ dormo, aŭ post tagmanĝo, por pli facila kaj agrabla digestado....



La koloniode anarhistoj dum esperanto leciono (Vidu „R. E." № 9, paĝ. 183).







# Provizora anonco.

**La 24-an Marton de 1907 j. efektiviĝos la XV-a jubileo de ekzistado de Societo „Espero" en Peterburgo. Krom la jubilea numero de „Ruslanda Esperantisto", kiu enhavos la artikolojn de konataj esperantistoj, la komitato de S-to „Espero" decidis aldoni al ĝia oficiala organo „R. E." la fotografan grupon de ĉiuj membroj de S-to. Tial ĝi humile petas la membrojn kiel eble plej rapide elsendi la fotografan portreton kun aŭtografo (nepre sur la fotografa portreto, sed ne aparte) per rekomendita letero kun la poŝtmarkoj je sumo 50 kop. (1 fr. 10 c.) por poŝtelspezoj laŭ la sekvanta adreso:**

**Rusujo. St. Peterburgo, Nevskij pr. 43, al S-ro Metalnikov, Vasilij Antonoviĉ.**

**La membrenporton do sendu laŭ adreso de S-to „Espero": St. Peterburgo, B. Podjaĉeskaja, 24.**



La koloniode anarhistoj dum esperanto leciono (Vidu „R. E.“ № 9, paĝ. 183).

n
—
(
F
N
d
d
lo
R
ru
p
v
B

